# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto:** H. Hodler. †
**Redaktoro:** D-ro Edm. Privat
**Direktoro de UEA:** Hans Jakob.

**Adreso: 1, Tour de l'Ile, 1**
**GENEVE, Svislando**

**ENHAVO:**



**Reklamoj:**



**Aldonoj:**



**Speciala numero**
**NOVEMBRO 1933**

## Kompreno kaj egaleco

El ĉiuj flankoj alflugas entuziasmaj kaj ĝojplenaj atestoj pri la kontenteco de la esperantistaro pri la enterigo de la « organiza problemo » kaj nova unueca periodo, kiu nun komenciĝas.

Kuraĝiga rezultato. Esperiga signo. Ke tiuj gratuloj transformiĝu en multnombrajn aliĝojn al nia nun plene universala Asocio kaj tiam nia movado baldaŭ staros sur firma eĉ tre potenca bazo ! Estas nur afero de kelkmiloj da pliaj fidelaj apogantoj.

Ĉiufoje kiam nia movado perdis tempon kaj forton en organizaj polemikoj, ĝi grave suferis. Ĉiufoje kiam ĝi enterigis tiun diablon, ĝi refloris kaj rekreskis admirinde. Ni esperu, ke la enterigito ĝuos longan dormadon. Se ĉiuj talentoj kaj la tuta energio, montritaj en la diskuto, de nun estos dediĉataj al batalado por disvastigi Esperanton, ni rajtas atendi multon.

Sed la vetero malfavoras ekstere, jam diros iuj. Ne tiom, kiom vi imagas. Forta vento vipas la viglecon de la homoj. Nur ĝi vipu jam al ĝusta direkto. En la nuna internacia momento regas kolosaj malkomprenoj. Plej taŭga horo sonas por disvastigi komprenilon.

Kurante sur la vojo de naciaj indignoj, la popoloj vidas, antaŭ si la najbaron, ankaŭ malfideman, kaj inter ambaŭ la teruran fosaĵon de la milito, plenan je kadavroj. Ni ne volas refali en tion. Sonas ĝuste la taŭga minuto por reparoli al homoj pri trafa rimedo por sin rekte kompreni kaj reciproke klarigi. Se ĉiu povus meti sin momente en la ĉemizon de l'alia, multaj aferoj — nuntempe mallumaj — fariĝus baldaŭ helaj kaj klaraj.

Kaj ĝuste Esperanto havigas ne nur la rimedon por materia interkompreniĝado, sed ankaŭ tiun atmosferon de kompleta egaleco inter ĉiuj nacioj, ekster ĉiu diferencigo de diplomatoj, inter artefaritaj klasoj de ŝtatoj laŭ grandeco kaj malgrandeco, venko aŭ malvenko, unuflankeco aŭ aliflankeco, k.t.p.

Ni urĝe alvokas ĉiujn sincerajn homojn, kiuj preferas lumon al mallumo, egaleco al malegaleco, komprenon al malkompreno kaj klarecon al konfuzo, ke ili aliĝu al nia asocio por sukcesigi movadon reale kapablan profitigi la tutan homaron el sia praktika sperto pri uzo de neŭtrala mondlingvo kaj kreo de egaleca atmosfero.

Edmond PRIVAT.

# U E A JUBILEAS.

*UEA jubileas ; rerigarde*
*fiere nombras dudekkvin vivjarojn,*
*fiere, fine nombras substandarde*
*festantajn milojn : la fidelajn arojn*
*ĝojantajn, ke efikis ĝin nur harde*
*la multa plag' : ĝi venkis ĉiujn barojn*
*kaj nun persiste, kun kuraĝa sento*
*ekiras al la dua kvaroncento.*

*UEA ! Ĝin la entuziasmo nobla*
*de arda juna koro iam naskis ;*
*ĝin vartis poste kun fervor' milobla ;*
*por ĝin kreskigi ĉiujn fortojn faskis ;*
*ĝin savis, kiam la hom-menso sobra*
*en la terura mondo-brul' fiaskis ;*
*ĝi batis ĝis la morto por ĉi verko*
*kaj ame ŝirmis ĝin eĉ el trans ĉerko.*

*Ho Hektor Hodler : koro ideala*
*kaj mens' praktika, estu al vi gloro !*
*L' okuloj ardis en vizaĝo pala,*
*la korp' malsana brulis de fervoro,*
*kaj ĝi forbrulis frue. Sed la ŝtala*
*volforto ja persistis en laboro*
*ĝis lasta hor' kun senkompara vervo,*
*por ke la Lingvo iĝu il' de Servo :*

*La nobla il' de Servo Reciproka,*
*kvazaŭ la baza ĝermo de l' Ideo,*
*kiu la mondon savos el sufoka*
*malbeno de malamo kaj pereo.*
*Majest-naiva cel' ! Trans kruto roka*
*ĝi logas kiel nekaptebla feo.*
*Sed tamen ! Estas la plej sankta febro*
*de l' homa koro : strebi por Neeblo.*

*Ho ve ! Neniam la esper' pli ĉesis*
*pri ĝia kapto, ol en niaj tagoj.*
*Pli kaj pli svenas, kio jam promesis*
*por la homaro savon el la plagoj.*
*Pri l' veraj taskoj nia mond' forgesis*
*kaŝinte ilin sub la drap' de flagoj,*
*preparas sin dum tinto de armilo*
*por trista reciproka malutilo.*

*Ĉu estos halto sur ĉi vojo glita,*
*aŭ sekvos falo, la terura falo ?*
*Ĉu ree la homaro ekscitita*
*sin donos en la manojn de Fatalo*
*ne plu regebla ? Ĉu nur post malsprita,*
*sensenca kaj senŝanca fratbatalo*
*saĝiĝos kaj ekhontos la homgento*
*kaj sin priploros kun amara pento ?*

*Kaj, ĉu UEA, eta vel' sur maro*
*utilas en ĉi tempo kataklisma,*
*aŭ ni perei lasu ĝin sen faro.*
*kun ŝultrotir' facila, nihilisma ?*
*Ĉu, se altaro falos post altaro,*
*ĝi ankaŭ, falu al profund' abisma ?*
*En uragano, kie krozas mevoj,*
*kion ja serĉus la boat' de revoj ?*

*Ne fratoj, ne ! Ni gardu la Heredon*
*de tiu arda nobla kor', fidele !*
*Ni donu al ĝi helpon, forton, kredon,*
*ni ŝirmu ĝin persiste, senŝancele !*
*Ni ĝin ellevu super la obsedon,*
*kiu la mondon premas nun kruele,*
*ĝi estu, en konfuzo kaj malordo,*
*simbolo netuŝita de l' Konkordo !*

*Simbol' de l' ĉiuhoma societo*
*ne disŝirita rase, gente, sekte,*
*sed kunvivanta bene, en kvieto,*
*kaj sin servanta helpe kaj protekte !*
*Ho, ne ŝiriĝu tiu paca reto,*
*per kiu ĝi la mondon ligas plekte !*
*En la diluv' minaca de la tero*
*ĝi estu la Insulo de l' Espero !*

K. KALOCSAY.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**La Jubilea jaro de UEA. -- Stato je fino 1933. -- La transformo de UEA. -- Rigardo antaŭen.**

Jarfino alproksimiĝas. Kutime oni rerigardas demandante sin, ĉu la pasinta jaro plenumis la dezirojn aŭ esperojn faritajn. Rilate al la ĉiutaga okazado, ni prefere silentu. Kontraŭe, se ni ekzamenas *nian* aferon, oni povas diri sincerkore, ke la jaro 1933 alportis la efektivigon de deziro, pri kiu laboris, klopodis kaj suferis multaj bravaj samideanoj. La *Unuecigo de la movado* tiom arde dezirita, realiĝis per *Interkonsento*, farita inter la ĉefaj fortoj de la neŭtrala movado. Naciaj propagandaj organizaĵoj kaj la internacia servada Asocio, UEA. Ke tiu ĉi interkonsento fariĝis realaĵo okaze de la 25-a Universala Kongreso kaj de la Jubileo de l' 25 jara ekzisto de UEA estas feliĉa koincido, promesanta ĉion bonan. Je la fino de 1933 ni povas diri :

***Al nova agado per unuigitaj fortoj!***

Pasis 25 jaroj depost la fondo de UEA. Malmultaj estas tiuj, el la unuaj membroj kaj delegitoj, kiuj ĝisvivis tiun ĉi jubileon, aŭ restis fidelaj al la idealo. El la fondintoj mem, neniu vivas plu ; kaj el la unua komitato, kies listo aperis en la Jarlibro 1908 nur *unu* ankoraŭ kunlaboras : *Paul Blaise, London*. Foliumante tiun ĉi *Jarlibr*-eton de 1908 oni rememoras tiun ĉi heroan tempon de Esperanto, plenan je iluzioj pri la homa povo, sed belan pro la forta kredo je alta idealo. La nuna generacio absolute ne povas imagi al si, kiom da baroj leviĝis tiam kontraŭ nia penado.

Je la fino de somero en multaj landoj ekzistas *Tago de Rikolto*, dum kiu la popolo dankas al la krea forto. Ankaŭ oni pensas al la kamparano, kiu pene laboras por doni al ni la ĉiutagan panon. Simile ni, esperantistoj, memoru danke niajn pionirojn, verajn plugintojn en la kampo de l'homara progreso, por ilia klopodado !

## Stato je fino 1933.

Kiam ni skribas tiujn ĉi liniojn la finrezulto de l'jaro 1933 ankoraŭ ne estas konata. Sed jam oni povas formi al si juĝon pri ĝi. En multaj rilatoj 1933 similas al 1923, sed kun ŝanĝitaj roloj.

La stato de l'membraro de UEA, ankoraŭ ne tre influita de l'krizo en la jaro 1932 (5 % malpli da membroj en 1932 kontraŭ 1931), la jaro 1933 montros perdon de 12-15 %. Tio volas diri, ke je fino de la administra jaro 1932 UEA havis 8619 anojn, kaj ĝi finos la jaron 1933 kun eble 7300-7500.

Tiu ĉi malkresko estas la influo de du gravaj faktoroj : La tutmonda maltrankviliĝo kaj ĝiaj sekvoj kaj la organiza kverelado. De aro da landoj, kotizoj estas apenaŭ riceveblaj ; kurzfalo sekve de inflacio plikomplikigis la jam ne simplan procedadon. Signoj de halto nun estas en la daŭrigo de l'katastrofo financa, promesante revenon al pli konvena tempo. Tiun ĉi *eksteran* konfuzon ni ĉiuj ne povas forigi. Sed la alian, nome la *intern-esperantistan*, ni forigis en spirito konforma al esperantistoj kaj raciaj homoj. Se la movado iel malgajnis dum tiu-ĉi terura jaro 1933, tiu ĉi perdo estas centoble egaligita per la nova ĉarto de nia laborado, la

***Interkonsento de Kolonjo.***

## La organiza problemo.

Senkulpigu la verkinton de tiu ĉi teksto, kara leganto, se li ree uzas tiun ĉi tedan titolon ! Decas tamen, ke okaze de enterigo de « *kara proksimulo* », oni dediĉu al li kelkajn vortojn. La kutimo postulas ja, ke oni parolu bone pri li. Ĉu oni povus tion pri tiu ĉi mortinto estas demando. Minimume la enterigo en Kolonjo, ĉe la Ferma Kunsido montris, ke tiu ĉi morto ne postlasis ĉagrenon. Kaj la kora atmosfero kiu regis, certigas, ke oni neniel funebros pri la « *organiza problemo* ».

Rerigardante de pli alta starpunkto, oni mire konstatas, kiom forte enradikiĝis la *spirito de solidareco* inter la laborantoj por nia lingvo. Trudiĝas la komparo kun aliaj movadoj kun homama tendenco, kie similaj opini-bataloj pri *formo kaj enhavo* kondukis al skismo aŭ al disfalo. Homaj ecoj ŝanĝas nur per metoda eduko, ne per simpla akcepto de doktrino aŭ evangelio.

La organizo de nia movado postulis unuecigon de fortoj. Tiun ĉi veron neniu kontraŭstaris. La tuta opinibatalo estas reduktebla al tre simpla formulo : Ĉu nur *nacie*, ĉu nur *internacie*, ni kunigu la esperantistojn ? La defendantoj de ambaŭ formoj havis tre bonajn argumentojn kaj malantaŭ si la nacie kaj internacie organizitajn Esperantistojn.

Antaŭ dudek jaroj la distingo estis alia. Nacie = *Por* kaj Internacie = *Per* Esperanto. Dume la sperto malpravigis tiun ĉi dispartigon.

Ja ne mankis planoj por kunigi UEA kaj la Naciajn societojn. Estas kolekto da ili, de plej malsamaj konsideroj. La plej serioza projekto, trapensita en ĉiuj detaloj, logike konstruita kaj elegante formulita, estis de S-ro Page en Edinburgo. La estimplena aŭskulto, flanke de la kongreso en Praha (1921) ne povis forigi la dubon, pri la ebleco praktike labori laŭ ĝi. Evidentiĝis, ke necesis unue simpla aranĝo inter la agantaj fortoj de nia movado, ŝtupo al plia evoluo. La rezulto estis la « Kontrakto de Helsinki » preparita de S-roj Chavet kaj Privat.

Temis pri formo de kunigo pure *reprezenta* al ekstero kun certaj taskoj komune subtenitaj. Konforme al la ekzistantaj konstruŝtonoj jam pretaj, oni interligis ilin simple, kaj surkonstruis tegmenton, la ICK (Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado). El modesta komenco evoluiĝis bone funkcianta centro de agado pri propagando internacia, regula observo de la movado por iniciati ion ; krome estis sub ties zorgo la organizo de l' kongreso.

La kostoj de tiu ĉi agado estis kovritaj per 1) jarpagoj de la Naciaj Societoj kaj de UEA, 2) procentaĵo de l' kongreso, 3) libervolaj donacoj de « Patronoj ».

La vivo daŭre fluas. Tute kontentiga la formo trovita en Helsinki *ne* estis, kio ne estas la kulpo de ĝiaj iniciatintoj, sed de cirkonstancoj. Fine kaj rezulte de aro da okazintaĵoj, *neniu* estis plu kontenta. Tio finiĝis per nuligo de l' Kontrakto en Parizo 1932.

Tro konataj estas ja la sekvoj de tiu ĉi ĉesigo de kunECO de UEA kaj de Naciaj Societoj. La tiom harmonie pasinta kongreso en Kolonjo, sendevige akceptis la

deziron de ĉiuj, ke pri ĉio malagrabla estu metata la *vualo de forgeso*. Kaj tiel estu !

Intence ni skizis en libera formo la evoluon de l'organiza problemo. En posta ĉapitro sekvos la klarigo pri la strukturo de l' *nova* organiza formo, resume formulita en la Interkonsento de Kolonjo.

**La Interkonsento de Kolonjo.**

Tiu ĉi dokumento, bazo de l'esperantista agado *internacia,* estas logika sekvo de l'evoluo depost Helsinki. En Helsinki, UEA estis rekonata kiel samvalora al la Naciaj Societoj, aŭ por uzi la tiaman esprimon : *oficiala.* Ĝis tiam ĝi estis konsiderita kiel plej grava « faka » aŭ « peresperanta societo ».

La ideo de Helsinki estis, doni al iuj entreprenoj komuninteresaj pli fortan apogon. Ni nur atentigu pri la klopodoj ĉe la Ligo de Nacioj, Telegrafa Unio, Ruĝa Kruco, k.a.

El la oficialeco de UEA fariĝis nun per la *Interkonsento de Kolonjo*, la unika organizaĵo esperantista, kiu plenumas tiujn laborojn, necese faratajn el centro.

La granda problemo restis ĉiam, kiel enkorpigi la naciajn organizaĵojn (fakajn kaj aliajn) en UEA. Estas unuavice problemo financa, duavice problemo de l'organiza strukturo, varia en ĉiuj landoj. Ne estas eble, diktatore krei tion, kion sperto kaj opinio konsilus. El la senfina diskutado kaj... disputado kristaliĝis kelkaj veraĵoj. Ekzemple : La enlanda propagando, instruado kaj la reprezentado de l'movado kontraŭ aŭtoritatoj estas **nacia tasko.**

La aplikado de l' lingvo, la kreo de praktikaj servoj estas internacia afero. Kun tio estas logike ligata la plenumo de internaciaj taskoj (dokumentoj, kongresoj, rilatoj al internaciaj organizaĵoj, k.t.p.).

---

Trovi ponton inter ambaŭ formoj de organizo, intime ligi la *akiron de novuloj* (loka kaj naciaj agado) al la *konservado* (internacia servado) estas efektivigita per la Interkonsento. Ĝi trudas al ambaŭ partoj novajn taskojn kun ŝarĝoj, sed forigas la efektivan aŭ nur imagitan duecon. Je organiza vidpunkto la naciaj societoj (kiuj de nun nomiĝas « Landaj Asocioj ») ne ŝanĝas la aspekton. Ili restas tute la samaj kaj absolute sendependaj pri agado propra. UEA konservas siajn karakterizajn trajtojn (Neŭtraleco, Individua membreco, regiona Delegito, centra gvidado, senpera servado). Videbla signo de l'unueco estas la kotizo por 50 cenimoj, per kio la plimulto de l'esperantistoj fariĝas aŭtomate anoj de la granda esperantista familio, ricevos membrokarton unikan kaj rajtas uzi la servojn de l'Delegitoj. La partopreno en la Komitato estas ebligata al la Landaj Asocioj ; ili nomas la delegitojn, ĉefdelegiton kaj administras la aferojn de UEA.

La dua videbla signo de l'unueco estas la kreo de l'« *Konsilantaro de la Esperanto-Movado* ».» Ĝi plenumas la deziron malnovan je *Esperantista Parlamento,* kies elementoj per iu ajn maniero finance partoprenas la movadon. Tio estas la logika sekvo de rajto akirita per plenumita devo.

La Centra Oficejo de UEA estas kompletigita per fako aŭ sekcio de *Eksteraj Aferoj,* kiu entenas la laborojn plenumitajn de l'ICK-oficejo.

Jen koncize la ĉefaj trajtoj de l'nova aranĝo.

# UEA. - La nova strukturo



## La transformo de UEA.

La transformo de l'nuna UEA al la nova organismo estas nun entreprenata. Tiu ĉi laboro estas duspeca : Formala kaj administra. La unua rilatas al la statuto, aprobota de l'Komitato, voĉdonota per la Delegitoj, kaj la starigo de l'*nova* komitato. La dua estas la plej komplika, iel eĉ delikata.

Per kelkaj linioj ni volas doni ideon pri la laboroj de UEA, precipe de la oficejo, laŭ la nova organizo.

La difino de l'interna organizo kaj la dividon de la laborkampo fiksas la statuto Art. 48. Estas du fakoj, ĉiu gvidata de *Direktoro*.

### 1) FAKO POR INTERNAJ AFEROJ :

Estas konsiderataj kiel *Internaj Aferoj ; la*

Varbado kaj kontrolo de la membroj; la kotizoj. Rilatoj kun la Delegitoj kaj Ĉefdelegitoj ; Organizo de oficialaj voĉdonoj.

Organizo de la servoj, karavanoj, ekspozicioj kaj similaj aferoj.

Redaktado de la Jarlibro ; parto de la revuo ; oficialaj informiloj, bultenoj, presaĵoj.

Aranĝado de l'premioj, gvidfolioj, propagandiloj. Administrado de la revuo kaj de la biblioteko ; Organizo interna de l'oficejo.

### 2) FAKO PRI EKSTERAJ AFEROJ :

Eksteraj Aferoj estas :

La ĝenerala propagando de la lingvo ; Publikigo de tiurilataj broŝuroj kaj verkoj ; Klopodoj ĉe registaroj, aŭtoritatoj, internaciaj organizaĵoj, kongresoj ne-esperantistaj ; Informado de la gazetaro, interrilatigo de la Esp. societoj, ĝeneralaj rilatoj kun ili ; la Lingva Komitato.

Organizo de la Konsilantaro.

Okazigo de la Universalaj kongresoj kaj de teknikaj konferencoj.

Jen en kelkaj linioj la resumo de la laboroj farotaj. Inter ili estas tiaj kiuj *devas* esti plenumataj, kaj aliaj kiuj *povas* kaj *rajtas* esti farataj. La *povo* dependas ĉefe de la disponeblaj rimedoj financaj.

Kiel oni vidas, troviĝas sub *Internaĵoj* la ĝisnuna UEA grandparte, sub *Eksteraĵoj* la ICK laborkampo. Certaj laboroj transiras laŭ akirota sperto de unu fako al alia, detalo dependa de oportuneco. La fakon pri Internaj Aferoj gvidas la Direktoro de UEA : Hans Jakob. La fakon pri Eksteraj Aferoj, Robert Kreuz, ĝisnuna Direktoro de ICK.

Tiuj laboroj plenumataj de la Centra Oficejo trudas tuj la penson, per kio vivas la Asocio. La enspezoj estas :

1) Kotizoj de la simplaj kaj aktivaj membroj.
2) Pagoj de societoj por partopreni la movadon.
3) Abonoj, entreprenoj, anoncoj, servoj.
4) Licencpago de la Universala Kongreso.
5) Patronoj.
6) Donacoj spontaneaj kaj por fiksita celo.

La enspezoj de l'Asocio estas redonataj grandparte al la membroj sub formo de liveraĵoj. Konvenas priskribi tion :

La membraro de UEA konsistas el :

1) **Simplaj membroj** (M), aligataj de la Landa Asocio. Ricevas internacian membrokarton, servokuponaron kaj rajtas uzi la servon de informpetado.




*La Funkciado de la nova UEA.*

**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**




# Membrokarto




**Centra Dana Esperantista Ligo.**

*Modelo de unika membrokarto (unua paĝo)*

II) **Aktivaj membroj.** Estas kvin grupoj :

1) Membro kun Jarlibro (MJ)
Ricevas membrokarton, servokuponaron, Jarlibron kaj rajtas premion de frupago.

2) Membro-Abonanto (MA)
Ricevas membrokarton, servokuponaron, Jarlibron, revuon ESPERANTO dum unu jaro, kaj premion de frupago.

3) Membro-Subtenanto (MS).
Ricevas membrokarton, servokuponaron, Jarlibron, revuon ESPERANTO, premion de frupago, premion de Subtenanto.

4) Membro-Dumviva (MD).
Estas dumviva Membro-Abonanto kun ties plenaj rajtoj kaj ricevas laŭeble aliajn eldonaĵojn de l'Asocio.

5) Membro-Honora (MH).
Ne bezonas pagi kotizon, ricevas Jarlibron-revuon.

—




La elspezoj de UEA dividiĝas en tri kategorioj : 1) Oficejo kaj akcesoraĵoj ; 2) Liveraĵoj al la membroj kun la afranko, presaĵoj kaj materialo : 3) Salajroj.

Laŭprocenta divido : 1) 10-12 % ; 2) 58-60 % ; 3) 28-30 % de la efektivaj elspezoj, laŭ la sumoj de la lastaj kvin jaroj.

Grava malhelpo por egaligi elspezojn per enspezoj, estas la necerteco de l'plimulto de monoj. Hodiaŭ ekzistas nur 3 monoj konsiderindaj, kiuj konservis la oran valoron. Tio signifas, ke starigante budĝeton dum Novembro, estas risko ke monaton poste, la atendataj enspezoj grave malgrandiĝos. Tre instruan bildon oni ricevas per jena tabelo pri la *meza* sumo ricevita por la plej grava kategorio de la membraro : la membro abonanto. La oficiala kotizo estas 12,50 Frk. svis. Pro la favorprezoj, tiu ĉi sumo *neniam* estis ricevita. Sed metode la *meza* sumo supreniris, dank'al pliboniĝo financa, kaj atingis plej altan punkton en 1928. Tiam la Centra Kaso ricevis 8,90 Fr. meze por MA; jam en 1929 ĝi falis al 8,58 kaj daŭrigis tiun ĉi malsupreniron ĝis 7,25 en 1933. Plej kruela bato por ni estis la forlaso de l'ora monbazo en Brituja, Usono kaj en la Skandinavaj landoj. Ekzemple : Membro-Abonanto dana, norvega aŭ sveda pagas 10 Kr. Tio estis ĝis 1931 inter 13 ĝis 13,50 svisaj Frankoj, do iom pli multe ol la norma prezo. Kaj hodiaŭ? Nu, estas inter 7,50-8 Frk., sekve perdo de 30-35 % !

Kaj kion diri pri la tiom respektita, amindumita, eĉ adorita DOLARO ? La plumo rifuzas sian servon por daŭrigi la priskribon.

Kiel reagi ? Malaltigo de la budĝeto. Tion ni faris ! Tamen tio ne sufiĉas. Kaj tie venas nia insista peto al vi ĉiuj : ***Subtenu vian Asocion per pli alta kotizo kaj aliĝu por 1934 kiel Subtenantoj!***

Inter la novaj taskoj de UEA estas la *Eksteraj Aferoj* pri kies konsisto kaj amplekso ni jam skribis. Ĝi estas la *instiga* centro, kiu priatentas la eblecojn, kie nia lingvo povus servi ; ĝi estas la ligilo de la landa propagando al la internacia.

Ĉi tiuj taskoj postulas iniciaton, kapablon kompreni kaj kapti okazon. Sed tiuj eblecoj profiti okazon por penetri en interesan sferon, malfermi pordojn ŝlositajn, dependas de l'rimedoj disponeblaj. Propagando estas laboro je longa templimo, la efiko ne estas tuj konstatebla... kaj nenia mona profito estas ebla. Demandu propagandistojn de a l i a j movadoj, kiom da zorgoj kaŭzas la trovo de la mono por tiu ĉi bezono.

Por efike helpi al tiu ĉi valora laboro plenumata de la *Fako por Eksteraj Aferoj*, ekzistas la ebleco de libervola donaco. Samideano, kiu donacas jare la sumon de *Cent Frankoj svisaj* estas *Patrono de UEA* kun la rajto aparteni al la *Konsilantaro de la Esperanto-Movado*.

**Rigardo antaŭen.**

Je la fino de l'pasinta jaro nia movado troviĝis proksime al disiĝo. La ekonomia katastrofo kun ĝiaj variaj sekvoj jam influis senteble la intereson de la publiko al idealisme-praktikaj klopodadoj. Ĉiuj entreprenoj esperantistaj konstatas malvigliĝon de l'agado kaj kun ĝi timigan malkreskon de la enspezoj. Dufronta batalado kaj plie la opini-batalo pri la plej bona organizo.

Tute alia estas la aspekto je la fino de 1933. Ĝojo pri la atingita interkonsento, ĝojo je nova laboro, senigita de ĉiu disputo, ĝojo pri la forto kiun havas nia movado. Sen speciala kredo aŭ doktrino, ni ĉiuj laboras por komuna idealo, la deziro de paca kunlaboro intergenta. Je tio necesas unue, ke ni mem donu la ekzemplon de tio, kion ni deziras ! Ja impresas strange, ke batalantoj por idealo de intergenta paco no povis interkonsenti pri la plej bona maniero tion efektivigi !

La paco nun regas en Esperantujo. Ke ĝi estu daŭra kaj vera, tio estas ĉies deziro. El la bela nombro de korespondaĵoj ricevitaj post la kongreso, ni vidas kun emocio, kiom forte impresis la atingita interkonsento. Ne ĉesos per ĝi la tagaj penoj kaj zorgoj, sed niaj fortoj, liberigitaj de frata batalo duobliĝas ja triobliĝas por atingi la celon tiom bele esprimitan en la kanto, kies vortoj estis tradukitaj de D-ro Zamenhof :

*Homoj en la oriento, homoj en la okcidento*
*En la sud' kaj en la nord'.*
*Alte teni homan nomon, kore ami ĉiun homon*
*estu nia liga vort', estu nia liga vort'.*

Genève, 15 Oktobro 1933.

Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

# Interkonsento de Kolonjo. 1933

La unuecigo de la Esperanto-Movado. Interkonsento de Kolonjo.

Universala Esperanto-Asocio, Konstanta Reprezentantaro de la landaj Esperanto-asocioj kaj Universala Esperantista Federacio interkonsentas pri la ĉi subaj aranĝoj:

I. Universala Esperanto-Asocio estas la tutmonda organizaĵo Esperantista, reprezentanta la Esperanto-movadon kaj organizanta la universalajn kongresojn.

II. La landaj Esperanto-Asocioj aligas siajn membrojn al U.E.A., se ili plenumas la jenajn kondiĉojn:

1. posedi organizan formon (regularon, konsiston de komitato, k.c.), kiu vidigas klare, ke temas pri landa asocio neŭtrala.
2. havi minimume 100 membrojn.

Pri la akcepto decidas la Komitato.

III. La landaj Esperanto-Asocioj aligas siajn membrojn al U.E.A. laŭ la jenaj kondiĉoj:

1. ili pagas jarkotizon de Sv.fr. o.5o por ĉiu el siaj regulaj membroj; ĉi-tiuj membroj estas simplaj membroj de UEA ili rajtas ricevi la internacian membrokarton kaj uzi la servojn de la delegitoj pri vojaĝhelpo kaj informpetado.
2. la landaj asocioj pagas aldonan kotizon por tiuj membroj, kiuj deziras ricevi la jarlibron aŭ la jarlibron kaj la gazeton de UEA, tiuj ĉi membroj estas nomataj membroj aktivaj. La landaj asocioj sindevigas varbi kiom eble plej multe da tiaj membroj.

IV. En landoj, kies asocio aligis siajn membrojn, oni aldonas al la kotizo el ĉiu kategorio proksimume 50% de la normala kotizo de la nuna membro kun jarlibro, por tiuj membroj, kiuj ne apartenus al la landa asocio. Tamen la ĝisnunaj membroj de UEA ne apartenantaj al la landa asocio povas resti membroj laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj. ĝis fino de 1936.

V. La landaj asocioj prenas sur sin la administradon de la membroj en sia lando, laŭ la reguloj de la Centra Oficejo, kaj nomas ĉefdelegiton interkonsente kun UEA.

- 2 -

VI. La landa asocio nomas la lokajn delegitojn interkonsente kun la ĉefdelegito kaj komunikas la liston al la Centra Oficejo.

VII. La Internacia Komitato de UEA konsistas el:

a) Komitatanoj elektitaj de la landaj Asocioj aligintaj siajn membrojn;
b) Komitatanoj elektitaj de la lokaj delegitoj en la landoj, kies landa asocio ne jam aligis siajn membrojn kaj en la landoj, kie ne jam ekzistas landa asocio.
c) Komitatanoj elektitaj de la komitatanoj sub a) kaj b).

Ĉiu landa asocio kun minimume ducent ĝis mil membroj elektas unu komitatanon kaj plian por ĉiu komencita milo da membroj, por kiuj ĝi pagis kotizon por la pasinta jaro.

La lokaj delegitoj de la landoj, kies landa asocio ne jam aligis siajn membrojn aŭ kie tia asocio ne jam ekzistas, elektas grupe po unu komitatano por ĉiu kvincento aŭ komencita kvincento da membroj.

La komitatanoj sub a) kaj b) povas nomi komitatanojn sub c) ĝis la triono de sia propra nombro.

Ĉiuj komitatanoj havas samajn rajtojn kaj devojn.

VIII. La fakaj societoj, institucioj, k.t.p. povas sin enskribigi kiel partoprenantojn en la ĝenerala Esperanto-movado, kontraŭ fiksita pago.

IX. Okaze de ĉiu Universala Kongreso de Esperanto kunsidas "Konsilantaro de la Esperanto-Movado". Ĝi konsistas el: la komitatanoj de UEA, la reprezentantoj de la aliĝintaj landaj asocioj havantaj malpli ol 200 membrojn, la ĉefdelegitoj aŭ iliaj reprezentantoj, la honoraj membroj, la dumvivaj membroj, la patronoj kaj la reprezentantoj de la asocioj kaj institucioj registritaj kiel partoprenantoj en la ĝenerala Esperanto-Movado. Tiu Konsilantaro esploras la jarraportojn pri la stato de la movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo kaj priparolas programon de laboroj entreprenotaj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj

- 3 -

en formo de deziresprimoj, kiujn ĝi transdonas al la Komitato de UEA

X. Post sia likvido ICK, KR kaj U.E.F. transdonas al UEA siajn havaĵojn kaj dokumentojn. La Komitato kaj Centra Estraro fiksos la novajn devojn de la ĝisnunaj direktoroj kaj oficistoj de ICK kaj de UEA.

XI. Necesaj ŝanĝoj en la regularo de UEA estos tuj farataj laŭ la ĉi-supraj aranĝoj. La nuna Komitato de UEA sendos la ŝanĝojn al la delegitoj por ke la voĉdono estu finita je la fino de Oktobro 1933.

XII. La landaj asocioj elektos siajn respektivajn komitatanojn antaŭ la 15-a de Oktobro 1933.

XIII. La necesa estos farata por ke la nova aranĝo ekfunkciu je la 1-a de Novembro 1933.

Kolonjo, la 4-an de Aŭgusto 1933.

Ed. Stettler
Johannes Karsch
Louis Bastien
Cecil C. Goldsmith
P. Petit
Georgo Canuto
Arne J. Tharaldsen
Charlotte Jablonski
H. Moy Thomas
S. Alberic Jofré

Frans Schoofs
Robert Robertson
P. W. Baas
J.R.G. Isbrücker
M. Inouye
M. De Ketelaere
D-ro R. Maeder
Paul Blaise
Paolina Mellina
Hans Jakob

D-ro A. Vogt
Arnold Behrendt
Einar Dahl
A. Clavenna
Dr. Julian Loyola
Ildefonso Falcão
D-ro Ernst Meyer
Adolf Münz
Schmalzl
Robert Kreuz

# La premioj dum la jaro 1934

## Nepre atentu ke...

1) ***Premion de frupago*** rajtas elekti ĉiu malnova ano, kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 28-an de Februaro 1934 (por la jaro 1934).

2) ***Premion*** rajtas elekti ĉiu **nova** ano dum la daŭro de l'administra jaro (de l'1-a Nov. 1933 ĝis 31 Oktobro 1934).

3) ***Premion de varbado*** rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio; plie kiu varbis reklamojn kaj anoncojn por la Jarlibro.

4) ***Premion de Subtenanto*** rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon.

5) ***Premion*** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) ***Premion*** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

7) ***Premion*** ne postulitan je konvena tempo oni ne plu liveros.

8) ***Premion*** oni elektu nur laŭ la listo de l'kuranta jaro. Ne estas eble liveri tian por 1934 laŭ listo de jaroj pasintaj.

9) ***Premion*** oni elektu nur laŭ la kategorio je kiu oni efektive rajtas.

10) ***Premion*** aŭ plurajn oni povas kunigi. Ekzemple Membro-Abonanto, anstataŭ **unu** el premioj por Membro-Abonantoj, povas elekti **du** el tiuj por Membroj. Subtenanto (frupago): Anstataŭ **unu** el tiu ĉi listo, **du** el listo de MA aŭ kvar el listo de MJ.

## Listo de l' premioj

### PREMIOJ POR FRUPAGO KAJ VARBADO.

La premioj por frupago kaj varbado havas numeron 1—75. Divido: 1—25 rilatas al MJ; 26—70 al Membro-Abonantoj; 71—80 al Subtenantoj. Elektante, sufiĉas citi ordan numeron.

**MEMBRO KUN JARLIBRO** [MJ] (Varbo de membro, de entrepreno, 3 linia reklamo).

**1** **Bildo de D-ro Zamenhof,** kreinto de nia lingvo. Fotoreproduktaĵo, 10,5 × 15 cm., brunkolora sur luksa kartono. Bela ornamo.

**2** **Prof. Nothnagel:** *La Mortado*. Prelego profundsenta kaj konsoliga. Trad. B. Selzer, Vieno. 15 × 23 cm., 28 paĝoj. Aldono: Unu ekz. « Datoj kaj faktoj de la Paca Movado ».

**3** **Majakovski V.:** *Per voĉo plena*. Poeziaĵoj. 11,5 × 16 cm., 72 p.

**4** **Vámbéry D-ro R.:** *Kriminologio*. Tradukis D-ro V. Toth. 11,5 × 16 cm. 86 p.

**5** **Baghy Julio:** *La Vagabondo kantas*. Simplaj versoj (Nova verko de l'ŝatata poeto; bela preso, arta kovrilo, bona papero.) 11,5 × 16 cm. 60 paĝ.

**6** **J. S. Machar:** *Benedek*. Historia portreto el milito 1866. Trad. R. Fridrich. 15 × 21 cm., 24 paĝ. (Benedek, aŭstria armeestro portis la respondecon por la malvenko en 1866, Aŭstrio kontraŭ Prusujo. — Aldono: Unu ekz. « Datoj kaj faktoj de la Paca Movado »

**7** **E. Drezen:** *La vojoj de formiĝo kaj disvastiĝo de la Lingvo Internacia*. 11 × 14,5 cm., 64 pĝ. Kun kronologia tabelo de projektoj de Internacia Lingvo Valora teksto. (Limigita provizo.)

**8** **Karlo Verks:** *Elementa Fotografa Optiko*. Originale verkita en Esperanto. 12 × 19 cm., 80 paĝoj. (El Scienca Kolekto.)

**9** **Roksano:** *Geedzigo-peto*. — Triakta komedio. 11,5 × 16,5 cm. 77 paĝ.

**10** **Ludw. Krysta:** *Pri la prononcado de Esperanto* 11,5 × 16 cm., 30 paĝ. (Eldonaĵo de Mondlingvo-Eldonejo en Katowice.)

**11** **Hillar S.:** *Enkonduko en la pedagogion*. Historia skizo. 8 × 11,5 cm. 20 paĝ.
**Aleksandro Drozdoj:** *Krucumo*. El ruso lingvo tradukis N. Hohlov. 12 × 16 cm., 55 paĝoj.

**12** **P. Lakŝmi Narasu:** *Budao*. Tradukis Takeuĉi Tookiĉi. Kun ok bildoj. 11 × 15 cm. 64 paĝoj

**13** *Kongresa libro de l' 17-a Kongreso de Esperanto* 11,5 × 16,5 cm., 84 paĝoj. (Bela presaĵo laŭ formato de la Jarlibro.)

**14** *Esperantista dokumentaro: 14-Universala Kongreso de Esperanto, Helsinki 1922*. 114 pĝ

**15** *18-a Universala Kongreso de Esperanto, Edinburgh 1926*. Raportoj, protokoloj, statistikoj. 88 p

**16** *Literatura Mondo*. — 5 kajeroj malsamaj de tiu ĉi interesa revuo el unua epoko, ilustrita kun multaj legindaĵoj.

**17** *22-a Universala Kongreso de Esperanto, Oxford, 1930*. Raportoj, protokolo, statistiko. 140 paĝoj

**18** **Waldemar Bonsels:** Ŝolandro. Traduko el verkaro de plej legata germana aŭtoro. Tradukis D-ro Sós † — 48 paĝoj 14 × 20 cm. Plie unu ekzempleron de « Datoj kaj faktoj pri la Paca Movado »

**19** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado* 14-a jaro 1926. 428 paĝoj

**20** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado.* 17-a jaro 1929. 480 paĝoj.

**21** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado.* 18-a Jaro. 1930. 406 paĝoj.

**22** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado.* 19-a Jaro. 1931. 418 paĝ. (Kun enciklopedia parto.)

**23** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado.* 20-a jaro. 1932. 320 paĝoj.

**24** *Jarlibro de la Esperanto-Movado.* 21-a Jaro. 1933. Jubilea Jarlibro de UEA.

**25** Katolika verketaro konsistanta el 4 libretoj: **Papo Benedikto X-a:** *Kristo kaj la Ligo de Nacioj.* — **Frank:** *La Patro.* — **A. v. Krane:** *Graco atendanta, rakonto el la tempo de Kristo.* — **F. Prast:** *Tarcizio, drama legendo el prakrista heroa tempo.* — *Aldono* : **Sappl:** *Kiel oni fondas kaj organizas Esp. grupon.* — Sume 5 broŝuroj.

**MEMBRO-ABONANTO:** (Premio de frupago, por varbo de nova MA, de reklamo ¼ paĝa en Jarlibro 1933).

**26** **Hans Jakob:** *Universala Esperano-Asocio.* Historia skizo 1908—1933. 94 paĝoj, formato de la Jarlibro, kun multaj ilustraĵoj kaj tabeloj.

**27** **C. A. Laisant:** *Inicado Matematika.* Sendependa de kiu ajn oficiala programo de lernigado, dediĉita al la amikoj de la infanaro. 103 figuroj en teksto. 172 paĝoj, 18 × 12 cm.

**28** *Universala Esperanto-Asocio.* Raporto pri la jaro 1931 submetita al la 24-a Kongreso en Paris. Formato de l'Jarlibro. 74 paĝoj.

**29** *Universala Esperanto-Asocio.* Raporto pri la jaro 1932 kun raporto pri la kongreso en Köln 1933. Formato de l'Jarlibro.

**30** **Robert Kreuz-Al. Mazzolini:** *Komerca Vortaro en Esperanto.* 12 × 16 cm., 94 paĝoj. Enhavas 1400 vortojn kun klarigo.

**31** **Jan Zawada:** *Adreslibro de pollandaj Esperantistoj kaj praktika informilo pri-esperanta.* 13,5 × 19,5 cm., 208 paĝoj. Unika tiaspeca libro, diligenta laboraĵo, bonega informilo. Pli ol 4.000 adresoj.

**32** *Kolekto de 7 ŝlosiloj de Esperanto.* Po unu: Araba, Japana, Juda, Malaja, Persa, Serba, Ukraina.

**33** **D-ro K. Kalocsay:** *Lingvo, Stilo, Formo.* Studoj pri vortfarado, poezia lingvo, elparolo, rimo, ritmo k. a. 13 × 19 cm., 12 paĝoj. (Eldono Literatura Mondo.) — Limigita nombro!

**34** *Kolekto de turismaj presaĵoj en Esperanto.* Bela kaj taŭga por malgranda ekspozicio.

**35** **Francesco Nitti:** *Eŭropo ĉe la abismo.* Kun bildo kaj antaŭparolo de l'aŭtoro. Trad. Robert Kreuz, L. K. 14 × 21 cm., 178 paĝoj.

**36** **C. Walter:** *Gajaj Vesperoj.* Spritaĵoj, anekdotoj, humoraĵoj, diversaĵoj, reguloj por gvidantoj, program-konsiloj por grupkunvenoj, ludoj, 12 × 17 cm., 80 paĝoj.

**37** **Otto Ginz:** *Radio-Vortaro Kvinlingva.* Angla, Ĉeĥa, Esperanto, Franca, Germana. 11 × 15 cm 218 paĝoj.

**38** **Gotth. Ephr. Lessing:** *Natan la saĝulo.* Drameca poemo. Trad. Karl. Minor, L.K. 11 × 16 cm., 208 paĝ. (El Nova Esperanto-Biblioteko).

**39** ESPERANTO, organo de UEA. Kompleta jarkolekto 1925. 200 paĝoj.

**40** **Profesoro Th. Cart:** *Vortoj.* Kunmetita de S. Grenkamp kaj R. de Lajarte. 13,5 × 18 cm., 140 paĝoj.

La plej grava verko de nia mortinta prezidanto de Esperantista Akademio; lia testamento, kiu montras la vojon sekvendan por nia lingvo. Fundamento de la dua patro de Esperanto.

**41** **D-ro Edmond Privat:** *Esprimo de Sentoj en Esperanto.* Resumo de kurso farita ĉe la Universitato de Ĝenevo, en la lingvoscienca fako de la Beletristika Fakultato dum 1929 kaj 1930. Elegante presita libreto. 12 × 17 cm., 60 paĝoj. Luksa eldono.

**42** **P. Firu-S. Pragano:** *Rumana bonhumoro en* elektitaj rakontoj. 12,5 × 18,5 cm., 62 paĝoj.

**43** ESPERANTO, organo de UEA. Kompleta Jarkolekto 1928. 200 paĝoj.

**44** *Verda Steleto. Internacia Infanaro.* Lernolibro por infanoj, kun koloraj bildoj, grandaj literoj. Kunmetis S-ino V. Seriŝeva, Barnaul, Siberio 17 × 24 cm., 78 paĝoj.

**45** *Kolekto de 10 ŝlosiloj de Esperanto.* Po unu el lingvoj: Albana, Estona, Flandra, Hispana, Hungara, Itala, Latva, Pola, Romanĉa, Slovaka.

**46** *Skanderbeg, albana nacia heroo.* Priskribo de lia vivo. Verkis Cuk Simoni, Skoder. (Mimeografita eldonaĵo.) 14 × 21 cm., 144 paĝoj.

**47** **E. Drezen:** *Analiza historio de Esperanto-Movado.* Priskribo tendenca laŭ historia materialismo; multaj faktoj forgesitaj. 22 × 14 cm. 94 p. Kun bildoj.

**48** **Aleksandro Petöfi:** *Johano la Brava.* Tradukis de Kalocsay. 11 × 15 cm. — 84 paĝoj.
**Aleksandro Drozdov:** *Krucumo.* El rusa lingvo tradukis N. Hohlov. 12 × 16 cm., 55 paĝoj.

**49** **D-ro Belohlav:** *Ĉeĥoslovakio,* ilustrita gvidlibro kun 11 geografiaj kartoj kaj 140 bildoj. Eldonaĵo de l'Ministerio Fervoja de Ĉ. S. R.

**50** **S. Grenkamp:** *Pola folkloro kaj popolkanto.* Kun antaŭparolo de Prof. Zaleski. 10 melodioj kaj 9 ilustraĵoj ekstertekste. Eleganta libro, plaĉe presita. 12 × 20 cm., 60 paĝoj. Plej bela premio nunjara.

**51** **Goldoni Carlo:** *Kurioza okazaĵo.* Triakta komedio. El itala lingvo tradukis « Mevo ». Kun ilustraĵoj. 19 × 12,5 cm., 62 paĝoj.

**52** **Kabe:** *Internacia Krestomatio.* 18 × 11,5 cm., 108 paĝoj.

**53** **Shakespeare:** *Sonĝo de Somermeza nokto.* Trad Louise Briggs. 18,5 × 12,5 cm. 70 paĝoj.

**54** **Gatty Marg.:** *Alegorioj el la naturo.* Trad. George Gordon. 18 × 12,5 cm. 66 paĝoj.

**55** **Hauff Wilh.:** *La Karavano.* El germana lingvo tradukis J. W. Eggleton. 18 × 12 cm., 98 paĝoj.

**56** **De Ségur:** *Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj.* Laŭ la germana traduko de P. Henriko Müller, S.V.D. — Esperantigis D-ro A. Halbedl. 12,5 × 20 cm., 210 paĝoj. — Eksterordinare bela premio, ordinara vendoprezo : Frk. svis. 3,50.

**57** **Krysta Ludw.:** *La senvola svatanto.* Unuakta teatraĵo. 37 p. Marionetaj ludoj, ilia prezentado kaj unu « Terpoma tragedio ». 24 p.

**58** **D-ro Ad. Ferrière:** *Estonta Eduko.* Interesa kaj konvinkiga pledo por transformo de la nuna lerneja sistemo. Ne teda teksto sed viva legaĵo, tute ne banala aŭ supraĵa. Elegante aranĝita. 12 × 17 cm., 72 paĝoj, bela preso. (Serio de UEA.)

**59** ESPERANTO, organo de UEA. Kompleta jarkolekto de 1929, 232 paĝoj da teksto.

**60** ESPERANTO : Kompleta jarkolekto de 1930. — 192 paĝoj.

**61** ESPERANTO : Kompleta jarkolekto de 1931. — 176 paĝoj kaj aldonoj.

**62** ESPERANTO : Kompleta jarkolekto de 1932. — 200 paĝoj.

**63** ESPERANTO : Kompleta jarkolekto de 1933. — 206 paĝoj.

**64** *Propagand-sigelmarkoj en naciaj lingvoj,* eldonaĵo de « Heroldo de Esperanto ». — Folio kun ok sigelmarkoj. Premio konsistanta el 20 folioj en lingvoj : Angla, Franca, Germana, Hispana, Itala, Sveda kaj Esp.

**65** **D-ro Kalocsáy:** *Rimportretoj.* Galerio de Esperantaj Steloj. — (Verse priskribitaj esperantistoj konataj kun 60 portretoj. Unika premio.) — 14 × 10 cm., 128 paĝoj.

**66** *Oficialaj poŝtkartoj kun teksto en Esperanto de Hungarlando.* — 4 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj kaj klariga teksto. — Aldono : kolekto de esp. reklampresaĵoj de Budapest kaj de la Foiro.

**67** **D-ro Jan Herben:** *Malriĉa knabo kiu gloriĝis.* (Biografio pri T. G. Masaryk, Unua Prezidanto de l'Ĉeĥoslovaka Respubliko.) 14 × 20 cm., 136 paĝoj. Eldono de Moraviaj Esp.-Pioniroj.

**68** **D-ro L. L. Zamenhof:** *Lingvaj respondoj.* Plena kolekto. Aperintaj en esp. periodaĵoj. Kun la letero pri la deveno de Esperanto. 21 × 15,5 cm., 94 paĝoj. (Limigita nombro.)

**69** *La Nova Testamento,* eldono de la Brita kaj Alilanda Biblia Societo. Malgranda eldono, 7,5 × 12 cm., 358 paĝoj, bela preso.

**70** **D-ro L. L. Zamenhof:** *Fundamento de Esperanto.* Eldono franca, angla, germana, rusa, pola 182 paĝoj.

**MEMBRO-SUBTENANTO:** (Premio por frupago, varbo de nova Subtenanto, de ½ paĝa anonco en Jarlibro.

**71** **Madách:** *La Tragedio de l'Homo.* Drama poemo kun dudek desegnaĵoj artecaj kaj kun la portreto de l'aŭtoro. Trad. D-ro Kalocsay. 15 × 22 cm., 238 kaj XXIV paĝoj.

**72** **Ivan Maĵuraniĉ:** *La morto de Smail-Aga Ĉengiĝiĉ.* Heroa eposo Kroata. Kun bildo de l'aŭtoro kaj 4 ekstertekstaj bildoj. Tradukis Mavro Ŝpicer Bindita, arta eldonaĵo. 14 × 21 cm. 76 paĝoj.

**73** *La verda gvidlibro. Milano kaj lagoj de Lombardio.* Eldono de Touring Club Italiano. 9 kartoj kaj ses planoj. 10 × 16 cm. 112 paĝoj. (Limigita nombro.)

**74** *Gvidlibro tra Venecio.* Originale ilustrita per 20 bildoj kaj aldono de esp. urbo-plano. 12 × 16 cm 142 paĝoj.

**75** **Paul Nyssens:** *Bonhumoro.* Moralfilozofia, eduka kaj klériga verko. Valora trezoro por biblioteko esp. — 20 × 14 cm., 174 paĝ.

**76** **Kas. Smogorzewski:** *Pol-Pomeranio.* Trad. S Grenkamp-Kornfeld. 17 × 25,5 cm., 132 paĝoj. La verko priskribas la polan vidpunkton en la afero de la tielnomata koridoro kaj la provinco Pomeranio. Klara stilo. deca sinteno senofenda igas tiun verkon, valora legindaĵo instrua.

**77** **Julio Baghy:** *Viktimoj.* 12 × 16,5 cm., 238 paĝoj Originala romano de l'talenta verkisto.

**78** **Dreves Uitterdijk:** *Miraklaj aventuroj de S-ro Longkrurulo.* Rime verkita. Kun 152 bildoj kaj 162 strofoj. 28 cm. larĝa, 17,5 alta, 76 paĝoj

**79** *De Kongreso al Kongreso.* Jubilea Libro eldonita okaze de la 25 Universala Kongreso de Esperanto, Köln 1933. — *(Kalejdoskopa rigardo al la Kongresoj. Arĝenta kovrilo, klara preso, arteca aranĝo* 25 bildoj, 78 paĝoj, 21 × 14 cm.)

**80** **Selma Lagerlöf:** *La mono de Sinjoro Arne.* El la sveda lingvo tradukis : Stellan Engholm 110 paĝoj. 14 × 20 cm.

## PREMIARO DE SUBTENANTOJ.

**81** *Literatura Mondo-premio :* Tutjara ricevo de la revuo « Literatura Mondo » (Januaro ĝis Decembro 1923) — plie unu ekzempleron de « Tragedio de l'homo », de Madách.

**82** *Hungara Antologio*, belega libro 452 paĝa, monumenta verko, ornamo de ĉiu biblioteko. — Plie unu ekzempleron de Madách : «Tragedio de l'homo », ĉefverko el Hungara Literaturo.

**83** **Dante Alighieri:** *Divina Comedia*. Unua parto: *Infero*. Broŝurita eldono. Presita sur senligna papero, formato de Hungara Antologio, 320 paĝa, kun 14 majstraj ilustraĵoj de Deziderio Fáy, kun dukolora ŝirmkovrilo. Plie : 1 ekz. Mádach : Tragedio de l'homo.

**84** *Esperanto-ŝlosilaro*. — Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto en 24 lingvoj, fiksitaj sur fortika kartono, dufoje faldita, kun agrafoj por pendigi ĉe muro. Belega objekto, interesa reklamilo kaj alloga ekspoziciaĵo.

**85** *Kataluna Antologio*. Verko rekompencita de la Esperantista Akademio. Kompilita kaj plejparte tradukita de Jaume Grau Casas L.K. Dua eldono. Bela preso, luksa papero, ornamo por ĉiu biblioteko. Pli ol 400 paĝoj da teksto. 22 × 16 cm. (Lukse bindita.)

**86** *Universala Esperanto-Asocio :* Kolekto de eldonaĵoj de UEA.

1) Ekzemplero de Jarlibro el jaroj 1921, 1922, 1924, 1925, 1926, 1929, 1930, 1931, 1932, 1933

2) Kongresdokumentaroj de Praha, Genève, Parizo.

3) Unu ekzemplero de « UEA en la juĝo de la Esperantistoj », « La Servaro », « Historia skizo de UEA ».

4) Unu ekzemplero de: H. Hodler: Vivo kaj Verko, Estonta Eduko, Esprimo de sentoj.

5) Kolekto de du ekzempleroj de la gvidfolioj de UEA (Serio de UEA, ĉirk. 15 urboj).

6) Po du ekzempleroj de ĉiu varbilo nacilingva, eldonaĵo de Propaganda **Servo.**

7) Serio de ne-validaj respondkuponoj gluitaj sur kartono.

Belega kolekto, fundamento de UEA biblioteko ; taŭga elmontro de l'aktiveco de l'Asocio.

**87** *Humorprovizo — por la krizo !* Kolekto de nefunebraj libroj : 1) Gaja lernolibro de Esperanto; 2) Gajaj vesperoj (Walter); 3) Rumana Bonhumoro (Firu kaj Pragano); 4) Miraklaj Aventuroj de Sinjoro Longkrurulo (Uitterdijk); 5) Bonhumoro, de Paul Nyssens. — Kune 5 verkoj kun 600 paĝoj da teksto.

**88** *Kataluna Antologio — Belga Antologio (Franca parto)*. Ambaŭ libroj kune 680 paĝoj da teksto broŝuritaj.

**89** *Zamenhof premio*, konsistanta el klasikaj verkoj de l'kreinto de Esperanto : 1) Fundamenta Krestomatio (460 p.); 2) Lingvaj respondoj (92 p.); 3) Proverbaro Esperanta (82 p.); 4) Internacia Fundamento de Esperanto (48 p.). Kune 682 paĝoj da teksto.

**90** *Belga Antologio (Franca parto) — Bulgara Antologio* kaj *Litova Almanako*.

**91** Kolekto de verkoj de **Raymond Schwartz,** konsistanta el kvar volumoj : *Verdkata Testamento* (124 pĝ.) — *Proza Ridetanta* (172 pĝ.) — *Anni kaj Montmartre* (126 pĝ.) — *La Stranga Butiko* (124 pĝ.) Kune 546 paĝoj de plej humora teksto.

**92** **Eugen Wüster:** *Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana*. 16,5 × 24 cm., 140 paĝoj. Eldonaĵo de Firmo Ferd. Hirt & Sohn. Leipzig. Aperis ĝis nun kvar partoj.

Oni rajtas elekti unu parton ,egale kiun, laŭdezire. Tiu ĉi verko restos por ĉiam premio de MS, tiel ke oni preskaŭ povas aboni ain al ĝi per la regula aliĝo de Subtenanto. La ordinara prezo de unu parto estas 17,50 Frk. sv. Eksterordinara premio.

**93** **Giovanni Papini:** *Historio de Kristo*, 575 paĝoj 12 × 18 cm. Verko tradukita en 22 lingvojn.

**94** **D-ro L. L. Zamenhof:** *Originala verkaro*. Antaŭparolo — gazetartikoloj. — Traktaĵoj. — Paroladoj. — Leteroj. — Poemoj. — Kolektitaj kaj ordigitaj de D-ro Dietterle. Eldonaĵo de firmo Hirt & Sohn, Leipzig. 604 paĝoj, 15 × 22,5 cm., luksa volumo, ornamo de ĉiu biblioteko, riĉa fonto de esploro pri pensoj de l'kreinto de Esperanto.

**95** *Kolekto de Teknikaj Vortaroj.* 1) Rousseau « Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio », 288 pĝ granda formato. 2) Kreuz kaj Mazzolini « Komerca Vortaro ». 3) Ginz : Radio-Vortaro Kvinlingva. 4) D-ro Kamaryt : « Filozofia Vortaro ».

**96** *Bibliografio de Internacia lingvo*. Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, portretoj. Citas 7.000 verkojn de 2.000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ la diversaj sistemoj de lingvoj internacia. 560 grand-formataj paĝoj. Por subtenantoj de UEA speciale bindita.

**97** **Julio Baghy:** Ses volumoj el lia verkaro : *Hura — Viktimoj. — Pilgrimo. — Preter la vivo. — La Vagabondo kantas — Verdaj Donkihotoj.* — 1150 paĝoj da teksto.

**98** *Politika Sociala Revuo*. Jarabono konsistanta el 4 kajeroj kun serioza teksto scienca, redaktata de respektindaj fakuloj inter ili Prof. Collinson, Generalo Bastien, Prof. Waringhien. (Formato 25 × 16 cm., 80 pĝ., unu kajero.)

**99** **Yoshi H. Ishiguro:** *Praktika gvido de la Korespondo en Esperanto*. 20 × 13 cm., 310 p. Fortika bindado. — Kvankam por japanlingvanoj, tiu ĉi libro estas unika objekto por esp. libro-amanto. Multaj ilustraĵoj.

**100** **E. Drezen:** *Historio de la Mondolingvo*. Tri jarcentoj da serĉado. El rusa lingvo tradukis Hohlov kaj Nekrasov. 17 × 26 cm., 240 paĝoj, kun multaj bildoj kaj grafikoj. La plej kompleta verko pri la temo de l'mondlingvo, en mallongaj ĉapitroj, tre taŭga por rapida serĉado por dokumentado.

**E. Drezen:** *Analiza historio de Esperanto-Movado* (Kvazaŭ kompletigo de la unua ĝenerala verko.) 14,5 × 22 cm., 96 paĝoj.

**J. R. G. Isbrücker:** *Historio kaj organizo de la Esperanto-Movado*, 50 paĝoj.

**Hans Jakob:** *Universala Esperanto-Asocio: Historia skizo*. Kun multaj bildoj. 120 paĝoj.

—Kvar verkoj kun 500 paĝoj da teksto. Riĉa fonto de informado

# La Servaro

## de Universala Esperanto-Asocio

La ĉefa ideo de UEA estas servi al la samideanoj laŭ sistemo reciproka. Plej uzata estas la servado de l'Delegitoj, informpetoj pri ĉiuj eblaj aferoj, helpo dum vojaĝo k.t.p. Ekzistas regularo pri tio ĉi.

Krom tiu ĉi Servo de Informpetoj ekzistas aliaj servoj, pri kiuj aperas sciigoj de tempo al tempo. Pri kelkaj el ili ni informas tie ĉi, resume.

### Bibliografia Servo

La Biblioteko de UEA estas la plej kompleta pri Esperanto kaj la internacia lingvo.

La Bibliografia Servo de UEA estas al la dispono de ĉiu interesulo, deziranta informon pri verko en Esperanto aŭ verkoj ĝeneralaj pri la problemo de internacia lingvo. Ĉiu informo estas donota kontraŭ nura repago de afranko, sed sen garantio. Specialaj laboroj bibliografiaj estas fareblaj laŭ interkonsento pri honorario.

La monumenta ilustrita 560-paĝa verko « Bibliografio de Internacia Lingvo » estas mendebla ĉe la Bibliografia Servo. Prezo 12,50, bindita 15 Frk. svisaj.

La Biblioteko de UEA aĉetas kaj interŝanĝas ĉion pri la internacia lingvo. Proponante ion, oni demandu unue por eviti senutilan sendon okaze de ebla posedo.

### Ekspozicia Servo

Aranĝante ekspozicion vi certe jam spertis la mankon de preta materialo, servanta kiel fundamento de tia ekspozicio. Por helpi al niaj propagandistoj, la Ekspozicia Servo de UEA preparis kolekton de utilaj dokumentoj.

1. Kolekton de 70 periodaĵoj Esperantaj, nuntempe aperantaj. Inter ili: Esperanto, Heroldo, Literatura Mondo, Espero Katolika, Medicina Revuo, Sennaciulo, Oomoto, ktp.
2. Kelkaj sciencaj aŭ politikaj libroj: Eŭropo ĉe Abismo; Sendanĝereco de Francujo; Devoj de l' homo; Nova Testamento, k.a.
3. Kolekto da gvidfolioj kaj gvidlibroj: Bratislava, Danzig, Deal, Walmer, Dobŝina, Dresden, Genève, Horice Podkrkonoŝi, Helsingör, Locarno, Quedlinburg, Stettin, Schönhengst, Thiers, Torquay, Vaison, Verona, Wiesbaden, Zürich, Zittau, Tra Aŭstrio ; ĉ. 50 div.
4. Kolekto da foiraĵoj, bela kaj riĉa kolekto de reklamiloj de foiroj Budapest, Leipzig, Lyon, Reichenberg, Paris.
5. Diversaj presaĵoj: Komercaj prospektoj kaj afiŝoj; Raportoj de konferencoj, Ligo de Nacioj, ktp. Poŝtkartoj de USSR kun Esperanto-teksto; Zamenhof-a poŝtmarko. Serio de poŝtkartoj de Liechtenstein ; serio de sigelmarkoj en sep lingvoj. Serio de Ŝlosiloj de Esperanto, eldonitaj de l'I.C.K. (en 20 lingvoj).
6. Kolekton de Jarlibroj de UEA de 1927, 1928, 1929, 1930, 1931 — Ekzempleron de: Estonta Eduko; Esprimo de Sentoj de Esperanto; UEA en la juĝo de l' Esperantistoj.

*Kosto de pakaĵo (pezo ĉ. 9 kg) kun sendo : 25 Frk. svis. (por Svislando: 20 Frk.)*

### Gazetabona Servo

Por faciligi la abonon al periodaĵo Esperantista estas starigita tiu ĉi servo por la membroj de UEA. Ĝi akceptas peri la mendon de abono por la originala prezo, al ĉiu Esperanta gazeto. Jen listo de la periodaĵoj nur en Esperanto kun iliaj prezoj.

| | Jara Abonprezo Frk. svis |
|---|---|
| Heroldo de Esperanto, semajna, grandformata | 15,— |
| Literatura Mondo, monata, luksa, arta | 9,— |
| La Nova Tago, trimonata, internacia Bahaa | 2,— |
| Medicina Revuo Internacia, monata | 5,— |
| La Interligilo de l' P.T.T., monata | 4,— |
| La Praktiko, monata, instrua kaj amuza | 5,— |
| Politika Sociala Revuo | 8,— |
| La Pirato | 3,— |

### Libroservo de UEA

La Libroservo de UEA celas havigi al ĉiu Esperantisto plej rapide kaj facile je originala prezo Esperantajn verkojn. La ebla profito estas uzata senescepte por plibonigi la servojn de UEA.

La kondiĉoj estas : Kun la mendo oni sendu la korespondan monsumon laŭ plej bona maniero. Estas akceptataj ĉiuj pagiloj ŝanĝeblaj en banko, respondkuponoj poŝtaj kaj de UEA. La Libroservo ne povas sendi kredite kaj ankaŭ ne malfermas kontojn al klientoj. La prezoj estas tiuj, kiujn fiksis la eldonistoj.

Krom la perado de verkoj la Libroservo de UEA transprenas la disvendon de Esperantaj verkoj de unuopaj eldonistoj kaj servas kiel internacia deponejo. La kondiĉoj pri tiu ĉi servo estas konigataj laŭ demando.

### Komerca Servo

*Insignoj de UEA :*

Kvinpinta verda stelo kun literoj UEA : Pinglo, broĉo, aŭ butono. Unu ekzemplero 1,— Frk. sv. (Dek ekzempleroj kune sendataj 7,50 Frk. sv.)

*Ŝildo de Delegito :*

Lada ŝildo, 30 cm longa, 20 cm alta, kun insigno de UEA kaj kolora teksto sur blanka fundo : « Universala Esperanto-Asocio — Regiona Delegito ». Unu ekzemplero kun sendo 4,— Frk. sv.

*Ŝildeto por Delegito :*

Tre taŭga por fiksi ĉe dompordo, el aluminio, 10 cm alta, 4,5 cm larĝa, blanka fundo, verda teksto tre eleganta kaj bonaspekta, la ekzemplero 0,25 Frk. sv.

*Leterpapero :*

kun UEA-insigno por Delegitoj. 100 folioj afrankite 2,50 Frk sv. — 100 poŝtkartoj : 2,— Frk. sv.

*Diskoj en Esperanto :*

Nerompebla disko, eldonita sub zorgo de K. E. U. en Dresden. Unu ekzemplero 5,— Frk. sv.
(Kun la himno « La Espero » kaj la bildario el « Sorĉa Fluto » de Mozart.)

*Tranĉilo :*

Kun emblemo Esperantista, bildoj de Gutenberg kaj Zamenhof. Unu ekzemplero 3,— Frk. sv.

*Horloĝo Esperantista :*

Plej bona fabrikaĵo svisa, marko « L'espero », oksidita nikelo, unuakvalita movo, unu ekz. 50,— Frk. svis

## Propaganda Servo

Germanlingva propagandilo 100 ekz. 2.— Gmk. aŭ 2,50 Frk. sv. — 1.000 ekz. 15 Gmk. aŭ 20 Frk. sv.

**Dem Weltverkehr eine Weltsprache!**

Ĉeĥlingva propagandilo : 100 ekz. 20 Kč. 1000 ekz. 150 Kč.

**Jeden jazyk pro celý svět!**

Franclingva propagandilo :

**pour se faire comprendre dans le monde entier**

100 ekz. 10 Fr. fr. aŭ 2 Frk. sv. 1000 ekz. 80 Fr. fr. aŭ 16 Frk sv. La franca propagandilo elvendiĝis, sed estos represata post nelonge.

Hungarlingva propagandilo :

***Világnyelvet a vilgáforgalomnak!***

100 ekz. 2 pengoj : 1000 ekz. 15 peng.

Portugala propagandilo :

**Pelo Português Pelo Esperanto**

100 ekz. 5.— Esk. — 1000 ekz. 40 Esk.

ONI MENDAS :
*En Germanujo :*
Propaganda Servo de UEA, Postfach 10, Dresden N. 6.
*En Ĉeĥoslovakio :*
Universala Esperanto-Asocio, Teritoria Oficejo, Hradec-Králové 628-a.
*En Portugal :*
S-ro Jorge de Saldanha Carreira, ĉefdelegito de UEA, Ave. Duque de Loulé 50-III, Lisboa.
*En Hungarujo :*
S-ro Paŭlo Balkanyi, ĉefdelegito de UEA, Budapest 507.

## Reklama Servo

La Reklama Servo de UEA metas al la dispono de l' publiko diversajn aranĝojn. Komercaj entreprenoj, korporacioj kun speciala celado, kiuj deziras kontaktiĝi kun la Esperantista publiko, povas utile profiti tiun ĉi servon.

Frk. sv.

1. Livero de adresmaterialo
a) *Adresaro* de la Delegitoj, 2500 ĝis 3000 adresoj, presita sur bendoj perforitaj, sen gluo . . . 50,—
b) *Adresaro* de l'membraro, 9000 ĝis 10000 adresoj, presita sur bendoj perforitaj, sen gluo . 150,—

Sur kovertoj oni devas kalkuli ilian koston aŭ liveri ilin al ni. — La adresoj estas maŝine skribitaj, klasitaj laŭlande. Oni povas ankaŭ ricevi ilin por certaj landoj.

2. Dissendo pere de „Esperanto"
a) *Reklamfolio* liverota de l' mendanta firmo. La pezo ne superu kvin gramojn. Rajto de aldono 10,— Frk. sv. la milo, bezonata estas 8000 ekz., sekve 80,— Frk. sv.; plikosto de afranko pro ŝanĝo de favora tarifo de l' afranko ĉirkaŭ 220,— Frk. sv. . . . . . 300,—
Eblaj elspezoj por franca dogano je la ŝarĝo de l' kliento.
b) *Reklamfolio* laŭ grando kaj tipografia aspekto de l' revuo « Esperanto », unupaĝe presita, 8000 ekz., kun aldonrajto, afranko ktp. . 200,—
La sama, sed presita duflanke . . . . 300,—
c) *Bulteno*, kvarpaĝa, modelo de l' «Bulteno de l' Internacia Labor-Oficejo», 8000 ekz. (kun ĉiuj kostoj, ebla pliafranko kaj 2000 ekz. pliaj por rezervo) . . . . . . 400,—

3. Kun Jarlibro de UEA
Bezonata 10000 ekz. (atentu formaton) . . . . 200,—
(Presaĵoj devas esti sendotaj al la presejo, senkoste por ni.)

4. Aldono ĉe: Oficiala Bulteno de UEA
Bezonata nombro: 2500 ĝis 3000 ekz. (20-linia teksto en la Oficiala Bulteno) . . . . . 75,—
Unupaĝa aldono laŭ formato kaj presa aranĝo de l' Oficiala Bulteno : 3000 ekz. kun sendo al ĉiuj Delegitoj de UEA . . . . . . 150,—

Pri la dissendebleco de presaĵo pere de UEA-eldonaĵoj la C. O. de UEA decidas. Aferoj, kiuj estas kontraŭ la spirito de l' Asocio, kiuj tuŝas neŭtralecon kaj povus ofendi la sentojn de l' membroj, ne estas aldoneblaj

## Servo de Respondkuponoj

Estas regula plendo de la Delegitoj de UEA, ke mankas al la informpetoj ricevataj la necesa afranko. Je tio kulpas parte la neebleco ricevi en ĉiu loko la poŝtan respondkuponon, kiu cetere en kelkaj landoj ankoraŭ ne estas vendata. Por forigi tiun mankon, UEA kreis antaŭ kelkaj jaroj la respondkuponon de UEA en tri valoroj :
0,30, — 0,50 — kaj 1,— Franko svisa valoro. La respondkuponoj cirkulas por tri jaroj (la tria serio de 1932—1935) kaj estas ĉiam reakceptataj ĝis tiu dato de la Centra Kaso de UEA kaj de la Ĉefdelegitoj. Oni vendas po serio, kiu konsistas el dek pagiloj de 0,30, ses de 0,50 kaj tri je 1,— Franko. Kune tio formas 9,— Frk. sv. kun vendoprezo de 10,— Frk. La plia franko estas por la kostoj (poŝta respondkupono kostas 0,40 Frk., valoranta tamen nur 0,30.) Duonjaro antaŭ la fino de la limtago, do 31-a de Decembro 1935 oni ne plu vendas kuponojn de la tria serio, sed jam de la kvara, kaj aperas regule atentigo, ke oni elŝanĝu la ankoraŭ cirkulantajn kuponojn, antaŭ la limtago. Oni mendu la respondkuponojn aŭ rekte ĉe la Centra Oficejo aŭ pere de la Ĉefdelegitoj en plene organizitaj teritorioj.

Estas ankaŭ aĉeteblaj kuponoj nur je valoro de 0,30 Fr sen aliaj de 0,50 aŭ 1,— Frk. Minimumo estas dek

kuponoj por 0,30 Frk., kies vendoprezo estas 3,50 Frk. Krom la ordinara uzo por pagi la afrankon okaze de servopeto, la respondkupono de UEA tre taŭgas por pagi enletere malgrandajn sumojn, kies sendo per internacia poŝtmandato ne estas praktika. La respondkupono de UEA povas cirkuladi ĝis limtago. Ĝi ne senvaloriĝas ĉe unua pago. Ni rememorigas ankaŭ, ke la respondkupono de UEA estas ne ŝanĝebla ĉe la poŝto, kiel iuj erare kredas. Ĝi estas privata pagilo inter-Esperantista.

## Turisma Servo

La Turisma Servo akcelas la eldonon de praktikaj, se eble samformataj gvidiloj en Esperanto, la tielnomitaj gvidfolioj. Ĝi samtempe prizorgas la disdonon de tiuj gvidfolioj laŭ tri manieroj : 1. per la gazeto « Esperanto »; 2. per Jarlibro ; 3. per Oficiala Bulteno.

Pri la eldono de gvidfolio de UEA, formato de la Jarlibro, oni atentu jenajn punktojn :

Oni proponu la eldonon de tia gvidfolio al turisma organizaĵo, apogante sin sur la jam ekzistantaj folioj kaj la ĉiam pli granda intereso, kiun renkontas tia reklamilo en vastaj rondoj. *Ne* estas devige, ke la gvidfolio presiĝu pere de UEA. Praktikaj kaŭzoj tion ja konsilas, sed se ne estas alie eble, oni presigu tie, kie deziras la kliento. Ĉefa principo : Eldonu la gvidfolion turisma organizaĵo je sia kosto.

Oni presu sufiĉan kvanton, de 5000 ĝis 10000 ekzempleroj. La kosto de tia gvidfolio kvarpaĝa sur glata kreta papero por 10000 ekzempleroj (sen kliŝoj) estas :

| | Enlanda mono | Frk sv. |
|---|---|---|
| Belga E.-Instituto, Antverpeno (Belg.) | 890 Bfr. | 127,— |
| Pres. de gaz. «Esperanto», Annemasse | 1300 Frk. | 260,— |
| Svisa presejo en Bern aŭ Genève | — | 200,— |
| Presejo Paul Göring, Magdeburg | 148 RM | 185,— |
| Ĉeĥosl. pres.: A. Prazák, Jablonné n.O. | 1225 Kĉ. | 190,— |
| Itala presejo: A. Paolet, S. Vito al Tagl. | 400 Lir. | 115,— |

Gvidfolio de UEA estu nepre laŭ la formato montrita. Ni volonte sendas la necesajn modelojn kaj ni tre petas, ke oni nin informu je konvena tempo, por ke ni konsilu.

*Dissendo de la gvidfolio :*

1. Dissendo pere de la gazeto. Bezonata 8000 ekz. Kosto por la aldono, afranko-diferenco ktp. 250,— Frk. sv.
2. Dissendo pere de la Jarlibro. Bezonata 10 000 ekz. Kosto 300,— Frk. sv. Povas esti eventuale kunbindata al la Jarlibro.
3. Dissendo pere de Oficiala Bulteno kaj nur al la Delegitoj de UEA. Bezonata 2500 ekz. Kosto 125,— Frk. sv (Oficiala Bulteno aperas minimume dufoje en la jaro.)

GRAVA : Al tiuj kostoj aldoniĝas la doganelspezoj, variaj laŭ landoj, sed pagotaj aparte, de la kliento mem.

Konsilinde ja estas, presigi la gvidfolion en la presejoj de UEA, kio evitas unue la koston de la sendo al la ekspedloko, due la dogankoston kaj trie permesas enmeti tiun presaĵon en la gazeton, sen afranko-altiĝo.

Se turisma organizaĵo eldonas jam ekzistantan gvidfolion en Esperanto, do aranĝas tradukon de aliformata gvidfolio, UEA sin ŝarĝas pri la dissendo. Estas disdonataj *senpage* de la Centra Oficejo de UEA 2000 ekz. Tiun kvanton la Turisma Servo disdonas en la kolektoj de gvidfolioj, sendataj kontraŭ repago de l' afranko. Por aldoni al la gazeto, jarlibro, bulteno, valoras la samaj kondiĉoj kiel por alia presaĵo (vidu sub dissendo de la gvidfolio). Laŭnecese ni submetas detalojn kaj ankaŭ ofertojn rekte al la turisma organizaĵo, interesigata je tio.

*Kolekto de gvidfolioj kaj gvidlibroj :*

Estas nuntempe riceveblaj senpage, kontraŭ nura repago de la afranko, la jenaj gvidfolioj en Esperanto :

*Serio de UEA :*

Arnhem, Apeldoorn, Bratislava, Brighton, Brno, Cheltenham, Deal, Dobŝina, Dordrecht, Dresden, Elberfeld, Genève, Horice v Podkrkonoŝi, Kassel, Linz a.d. Donau, Norderney, Pieŝt'any, Stettin, Thiers, Torquay, Zutphen, Bialystok.

*Tradukoj de ekzistantaj gvidfolioj :*

Albertville, Budapest (tri malsamaj), Cannes, Chemnitz, Danzig, Dordrecht, Godesberg, Hradec-Králové, Liechtenstein, Locarno, Neuchâtel, Saarbrücken, Sankt Gallen, La bela Silezio, Torquay, Bad Warmbrunn, Wien, Wiesbaden, Tra Latvio, Ljubljana, La bela Düsseldorf, Karlsbad, Zittau.

Entute 35 ĝis 40 gvidfolioj. Afranko : 1 Frk. sv.

*Kolekto de gvidlibroj :*

Antwerpen, Genève, Montecatini, Milano kaj lagoj de Lombardio, Varna, Venezia. Prezo : 6 Frk. sv.

« Neue Wege für die Verkehrswerbung », germanlingva broŝuro pri turisma varbado. Multaj reproduktaĵoj de gvidfolioj. Taŭga varbilo kun esperanta resumo. 10 ekz. : 1,25 Frk. sv.

# Aliĝu al UEA !



*Kial time vin forkaŝi*
*En la ombro de ŝparem' ?*
*Jes, — aliaj povas paŝi*
*Al batalo,... sed vi mem ?*
*Jam aŭroro venkpromesa*
*Levas sin ĉe l'horizont ;*
*Ni triumfos ! — sed necesa*
*Estos Unuec' de l' front' :*
*UEA — jen frontlini' :*
*Kiun teni devas ni !*

*Antaŭ ni, la pioniroj*
*Pruvis sin per ag' kaj far'.*
*Ĉu hodiaŭ per sopiroj*
*Kontentiĝus la idar' ?*
*Molajn revojn, trompfabelon*
*Lasu ni al apostat',*
*Volu age vian celon*
*Kaj reestu nun soldat'*
*De l' unua frontlini',*
*Kiun teni devas ni !*

Raymond SCHWARTZ



(Germana) Preis: 10 Pfg

**Esperanto-Schlüssel**



# La ŝlosilaro de Esperanto

(Itala) Prezzo 30 Cent.

**Chiave dell' Esperanto**



La dua konferenco internacia por la apliko de Esperanto en Paris 1925, rekomendis, ke la ŝlosiloj estu reeldonotaj en ĉiuj lingvoj, kun kompletigo de komercaj vortoj.

La ICK oficejo akceptis tiun ĉi taskon. Disponebla mono por tiu ĉi celo: Nulo! Hodiaŭ ok jarojn post kreo de tiu ĉi servo aperis 26 ŝlosiloj en jenaj lingvoj:
Albana, Angla, Araba, Estona, Flandra, Franca, Germana, Hispana, Itala, Japana, Juda, Kroata, Latva, Litova, Malaja, Nederlanda, Norvega, Persa, Pola, Romanĉa, Rumana, Serba, Slovaka, Slovena, Sveda, Ukraina.

En preparo estas: Kapholanda, Islanda, Armena, Hindustana, Kartvela, Malgaŝa, Suahili, Turka.

La eldon-nombro de tia ŝlosilo varias inter 2000-5000 ekz.; de la sveda aperis ĝis nun 140.000 ekzempleroj, kio estas pruvo pri la ŝato kiun trovis tiu ĉi eldonaĵo.

La tekniko de l' eldono estas fiksita en regularo. Eldonas kaj povas ĝin eldoni tiu kiu akiras la rajton. Por certigi absolute saman aspekton, formaton ktp. eldonontoj nepre devos sekvi la regularon, supre aluditan. La financado okazas: 1) Eldono de Nacia Societo, Librejo aŭ alia institucio je propra risko. 2) Privata persono, je propra risko, per helpo de enlandaj esperantistoj.

(Juda). פרייז: 35 גר. (0,20 שוו. פר.)

**עספּעראַנטאָ-שליסל.**



(Albana) 15 Qind

**Çelsi i gjuhës Esperanto**



Por subteni tiun ĉi tre valoran klopodadon, ekzistas *Fundo*, nutrata el bonvolaj donacoj. El tiu ĉi fundo estas helpataj la eldonistoj de ŝlosiloj en landoj kun nenia aŭ tre malforta movado.

Neniel premante budĝeton de organizaĵo, tiu ĉi tre utila branĉo de la agado de l'Fako por Eksteraj Aferoj meritas ĉies atenton, bonvolon kaj subtenon. Kiu intencas helpi eldonon de ŝlosilo en lingvo ankoraŭ ne reprezentita, kiu deziras kunlabori verkante ŝlosilon aŭ kiu deziras fari donacon, tiu sin turnu al UEA (Eksteraj Aferoj).

**NOVAJO:** La ŝlosilaro de Esperanto, 24 lingvoj, sur kartono fortega faldebla en tri partoj kun agrafoj por fiksi, la tuto kovrita de diafana papero (celofano), elokventa dokumento pri la universaleco de la movado, estas aĉetebla por 20 Frk. sv. aŭ elektebla kiel premio de Subtenanto (n-ro 84).

Oni povas aĉeti ŝlosilojn, ĉu tutan serion (22 nun disponeblaj: 4,50 Frk. svis.) ĉe

(Nederlanda) Prijs 7½ ct

**ESPERANTO-SLEUTEL**



**Universala Esperanto Asocio**

**(Libroservo) 1, Tour de l'Ile, 1**

**- - GENÈVE - -**

(Latva) Cena 15 sant.

**Esperanto atslēga**



# XXVI-a Universala Kongreso de Esperanto - Stockholm 4-11 Aŭgusto 1934

Svedlando — longa blanka vintro, vigla printempo kaj dolĉaj noktoj someraj; lando pulsanta de melodioj kaj legendoj, melankoliaj aŭ gajaj; lando de kanto kaj dancoj; paco, kvieto sur la supraĵo, sube loĝas sorĉistino. Je la unua rigardo, jen neatendite, tiu magia ĉarmego!

Kio estas, kio logas la fremdlandanon al Svedujo? Ĉu estas la sorĉo de la belaj noktoj, la senfinaj arbaroj kaj la grandaj lagoj, la montegoj de Laponio aŭ la idiliaj banlokoj ĉe la marbordo — ĉu estas la romantiko de Vermlando, la kamparana kulturo de Dalekarlio aŭ la kasteloj kaj kavalirbienoj de Sudsvedujo? — Ĉu estas la urboj kun sia arkitekturo, siaj artotrezoroj kaj ebleco por amuziĝo?

Por la plej multaj certe ne nur u n u el tiuj fortoj logas al Svedujo. Estas la tuta Svedujo kun ĉiuj siaj pejzaĝaj belecoj, sed ankaŭ kun siaj loĝantoj. Estas ja la lando de Strindberg kaj Lagerlöf, la lando, kie la ĝermana raso konserviĝis plej pura.

Tute alie ol en multaj el la grandaj industrilandoj la sveda industrio sen ĝeno enkadriĝas en la pejzaĝa bildo. En la ĉefurbo oni povas longe ĉirkaŭiri kaj tute ne ekvidi iun fabrikan tubegon. La paco de la netransrigardeblaj arbaroj ne estas tuŝata de la segejoj kaj celulozfabrikoj; la batoj de la forĝejaj martelegoj ne forrabis la romantikon de Vermlando, sed apartenas nedisigeble al la bildo, kiun ni faras al ni pri la hejmo de Gösta Berling kaj la kaviliroj.

Oni estas nominta Laponion la sanatorio por la malsanaj nervoj de Eŭropo. Kun la sama rajto la tuta Svedujo povas porti tiun nomon. Eĉ en la svedaj urboj oni malmulte rimarkas la rapidemon kaj senripozemon de la mondmetropoloj. Kiu volas vere trankviliĝi, esti inter homoj, kiuj ne ĉiam iras rapidege, kiu volas fuĝi for de la bruo de la industricentroj kaj la ĉiutaga intermoviĝo — tiu iras al Svedujo. Tie ĉi oni sentas, ke oni estas en lando, kie ĉiuj homoj ne interpuŝiĝas kubute, havas la senton, ke oni povas libere ekspiri, sentas sin sekura — eĉ en la plej malproksimaj regionoj.

Facile oni trovas paralelojn inter la naturo de Svedujo kaj ĝiaj loĝantoj. Kaj ankoraŭ io metis sian stampon sur la animon de Svedujo. De jarmiloj — pli longe ol kiu ajn popolo en Eŭropo — la praulo de la nuna loĝantaro loĝis en la lando. Servuto aŭ perdo de popola libereco neniam ekzistis en Svedujo; la militoj plej ofte okazis sur fremda tero. De internaj kontraŭecoj de kredaj kaj lingvaj interbataloj bona providenco ŝirmis la landon.

Estas bela kaj — kial ne — feliĉa lando, kiu logas la fremdulon kaj ne seniluziigas lin. Egale, ĉu estas en vintro, kiam arĝenta neĝokovraĵo invitas al skiado kaj sledveturado — ĉu en somero, kiam ĉiuj elmigras el la urboj al la mirinda regno de la marinsularo, kiam la sunlumo brilas sur silentaj montolagoj kaj blankaj betultrunkoj, kaj oni en la malproksima nordo forgesas, kion signifas nokto kaj mallumo. Tiam oni komprenas, kial la svedo kantas en sia melankolia nacia himno: « Mi salutas vin, plej bela lando de la tero... »

Kaj kiel krono de tiu lando ĝia ĉefurbo Stockholm! Kie la lago Melaren kaj la Balta maro trovas unu la alian ĝi lokas. Se vi serĉas belecon de la urba pejzaĝo kaj de ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, nur malmultaj urboj en la mondo povas konkuri kun Stockholm.

Okcidente de la urbo helan verdaĵon sternas la Melar-valo, kie Melaren kun ĝiaj 1.260 insuloj etendas siajn brakojn profunde en la landon. Kaj ĝuste ĉe Stockholm la hela verdaĵo renkontas la pompan insularon, kiu ŝirmas grandajn partojn de la sveda bordo kontraŭ la Balta maro. Majesta situo kaj lerta eluzo de l' eblecoj de la naturo havigis al Stockholm neordinaran belecon. Pri ĝia beleco ankaŭ aludas ĝiaj karesnomoj: « La Venecio de l' Nordo », « La Melarreĝino de l' Nordo ».

La plej malnovan parton de Stockholm oni trovas kunpremita sur la insulo nomita « La urbo inter la pontoj ». Tie oni parte konservis la malvastajn stratojn kaj domojn el la « Hansa »-epoko. Ĉirkaŭ tiu centro grupiĝas ĉiudirekten la modernaj partoj de Stockholm. Insulo kuŝas apud insulo, duoninsulo apud duoninsulo, enkadrita kaj ĉirkaŭŝpinita de lumanta akvo en malgrandaj kanaloj kaj vastaj golfoj. Tie altiĝas norde de la Melar-golfo la nova Urbdomo, arkitekta majstraĵo, kaj trans la golfo suprengrimpas la imponaj « Sudaj montoj». Ankaŭ la siluetoj de Reĝa palaco, de Parlamenta domo kaj kelkaj muzeoj sin spegulas en la fluantaj akvoj.

Tiel Stockholm renkontas per ensorĉiga vizaĝo la fremdulon, kiu venas al tiu ĉi urbo. Kaj tiel ĝi ankaŭ renkontos vin, kiu intencas direkti viajn paŝon al la Universala Esperanto-kongreso en Stockholm en la venonta jaro.

En 1934 Stockholm surhavos sian plej ĉarman rideton por vin bonvenigi!

Dum preskaŭ ĉiuj el la ĝisnunaj 25 Esperanto-kongresoj ni svedoj aŭdis, aŭdadis la demandon de niaj eksterlandaj amikoj: « Kiam okazos kongreso en Svedlando? ». Kaj ni turnis la vizaĝon aŭ al la steloj sur la ĉielo aŭ al la ŝuo sur la maldekstra piedo kaj balbutis « Tre baldaŭ! Sed ni momente ne estas pretaj. Certe aŭ *eble* post du jaroj! » Sed ne okazis io!

Nun ni fine decidis! Post ok monataj ni estos pretaj vin akcepti. La kerno de la kongresa komitato jam starigis kelkajn program punktojn, kiujn ni nun volas malkaŝi.

En la granda Stokholma koncerta domo, novkonstruita kaj bela okazos la malfermo de la kongreso. Eminentaj svedoj honoros la malfermon per sia ĉeesto. Inter ili la ĉefguberniestro de Stockholm, s-ro Henning Elmquist, kiu bonvolas esti honora prezidanto de la kongreso.

La magistrato de Stockholm oficiale akceptos la kongreson per solenaĵo en la pompa urbdomo. Kaj en ĝia « blua halo » ni intencas finigi la kongreson per internacia balo.

La programo nature ankaŭ enhavas koncertvesperon. La kongresa komitato intertraktas kun la plej fama sveda kanthoro, kaj ni esperas ke ni tiel dece povos prezenti elektitan specimenojn de sveda kantarto.

Kompreneble ni ankaŭ intencas amuzigi niajn gastojn per teatraĵo de sveda verkisto. Temos pri gaja, humorplena kaj tipe sveda komedio. Grupo de profesiaj aktoroj nun studas Esperanton por plene posedi la lingvon por la kongresa jaro.

Kaj en la bela liberaera muzeo « Skansen » estos montrado de popoldancoj. En « Skansen » niaj gastoj havos eblecon studi popoltipojn de Svedlando, ĝiajn loĝdomojn kaj ĝiajn vivkondiĉojn de la plej norda Lappland, la provinco de la noktomeza suno norde de la polusa cirklo, ĝis Skanio, la plej suda sveda provinco.

Oriente kaj okcidente de Stockholm 'a plej ĉarma arĥipelago invitas al ŝipekskursoj. La belaj sunaj tagoj kaj la dolĉaj varmaj aŭgusto-noktoj ravos vin, kaj vi enspiros la trankvilon kaj la korecon de la sveda naturo.

Pri la sveda popolo, ĝia scienco, ĝiaj laboroj, speciale ĝiaj Esperanto-laboroj faros popularajn prelegojn niaj sciencistoj. Tiujn prelegojn enkadros la Somera universitato.

Per ĉi tiuj linioj ni iom malkovris la travivaĵojn dum la estontjara kongreso en Stockholm. Ni nur iomete levis la kurtenon, nur tiom ke vi povos imagi la enhavon.

Vi vidas, ke ni faras nian eblon por sukcesigi la kongreson, por fari ĝin valora, interesa kaj amuza. Sed la komitato ne povas ĉion fari por tiu celo. Vi, kara amiko, ankaŭ devas doni vian helpon, fari vian parton de la programo! Kaj via rolo en la kongresa programo estas partopreni la kongreson kaj kunporti al la kongrestagoj bonhumoron kaj bonvolon. Tiel faru! Aliĝu al la kongreso! Aliĝu baldaŭ!

Ni jam nun premas viajn manojn kaj ĉirkaŭbrakas vin, dezirante « Koran bonvenon al la Stockholma kongreso en 1934! »



*Ernfrid Malmgren.*
Instruisto. Sekr. de Sveda Esperanto-Federacio.
*Sekretario de la Komitato.*



*Hj. Lindstedt.*
Inĝeniero ĉe la mondfama Telefona fabriko L.M. Ericsson.
*Kasisto de la Komitato.*



*Teodor Julin.*
Notario ĉe la Reĝa poŝtestraro
Eksparlamentano.
*Prezidanto de la Komitato.*



*La parlamentejo.*



*Riddarholmen*



*La nova Stockholm : Koncerta domo ĉe la vendplaco Hötorget.*



*« La blua halo » en la urba domo.*



*Norrbro (Norda ponto).*



*La reĝa palaco de proksime.*

# British Esperanto Association (Inc.)

## 142, High Holborn, London W. C. 1

# Katalog-ekstrakto :

## LITERATURO

| | En angla mono: ŝ p | En svisa mono: sv. fr. |
|---|---|---|
| Aventuroj de la Kalifo Harun Alraŝid. Cox* | 3 | 0.20 |
| Aventuroj de la Lasta Abenceraĝo. Chateaubriand (Deshays) | 2 | 0.15 |
| Bela Joe. Marshall Saunders (Blaikie & Hohlov) bindita | 5. 0 | 4.00 |
| broŝurita | 3. 6 | 2.80 |
| Dormanto Vekiĝas, La. H.G. Wells (A. F. Milward) bindita | 5. 0 | 4.00 |
| broŝurita | 3. 6 | 2.80 |
| Dua Kursa Legolibro. Page | 3 | 0.20 |
| Du Noveloj. M. Jokai (Luczenbacher) | 4 | 0.30 |
| Du Rakontoj: de Rothau | 3 | 0.20 |
| Elektitaj Humoraj Rakontoj | 3 | 0.20 |
| Facila Legolibro. Red. K. R. C. Sturmer | 1. 0 | 0.80 |
| Funebra Parolado. Bossuet (Bastien) | 1 | 0.10 |
| Giovanni Segentini. E. Marriott (Rhodes Marriott) | 6 | 0.40 |
| Joseph Rhodes kaj la Fruaj Tagoj de Esperanto en Anglujo. Merchant (Briggs) | 1. 6 | 1.20 |
| Juneco kaj Amo. E. S. Payson. bindita | 2. 0 | 1.60 |
| broŝurita | 1. 0 | 0.80 |
| Karto Mistera, La: Moffett (Payson) | 6 | 0.40 |
| Kio Povas Okazi se oni donacas surprize? Reuter (Höveler) | 4 | 0.30 |
| Kompatinda Klem. J. Merchant. bindita | 2. 6 | 2.00 |
| broŝurita | 1. 6 | 1.20 |
| Liño. Sinnotte | 1. 6 | 1.20 |
| Luno de Izrael. Sir H.R. Haggard (Butler & Payson) bindita | 5. 0 | 4.00 |
| broŝurita | 3. 6 | 2.80 |
| Mallumaĵoj. Abonji Arpad. (Lengyel Pal) | 2 | 0.15 |
| Malnovaj Paĝoj el « Lingvo Internacia » | 4 | 0.30 |
| Manon Lescaut. Prevost (Vallienne) | 1. 6 | 1.20 |
| Mimi. Giesy (Payson) | 6 | 0.40 |
| Ok Noveloj. A. Bennett (Wackrill) | 6 | 0.40 |
| Patro de Pestuloj en El Arish | 1 | 0.10 |
| Perdita kaj Retrovita. Boirac | 2 | 0.15 |
| Pinokjo. C. Collodi (M. Marchesi) bindita | 5. 0 | 4.00 |
| broŝurita | 3. 6 | 2.80 |
| Por Recenzo! K. R. C. Sturmer bindita | 2. 6 | 2.00 |
| broŝurita | 1. 6 | 1.20 |
| Portreto. Gogol (A. Fiŝer) | 6 | 0.40 |
| Pri la Origino de l'Homo. Sir A. Keith (Brown & MMcCormick) bindita | 2. 6 | 2.00 |
| broŝurita | 1. 9 | 1.40 |
| Proverboj. (Butler) leda | 1. 6 | 1.20 |
| Rapida Ekparoligilo de la Germana Lingvo per Esperanto: Stella | 3 | 0.20 |
| Reĝlando de l'Rozoj. Houssaye (Champion) | 2 | 0.15 |
| Rememoroj de Esperantisto. Ada | 9 | 0.60 |
| Ruĝa Floro. Garŝin (Boguŝeviĉ) | 1 | 0.10 |
| Stranga Idilio. Bates (Harris) | 3 | 0.20 |
| Ŝlosilo Angla | 1 | 0.10 |
| Tatterley. Gallon (Wilson) | 9 | 0.60 |
| Tri Angloj Alilande. J. Merchant | 1. 0 | 0.80 |
| Vakciniuja Krono, La. Paruks (Kikaŭ) | 2 | 0.15 |
| Versfarado kaj Rimaro Esperanta. Parisot & Cart | 2 | 0.15 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 3. 0 | 2.40 |

## DRAMO kaj POEZIO

| | En angla mono: ŝ p | En svisa mono sv. fr. |
|---|---|---|
| Cindrulino kaj aliaj teatraĵetoj por Infanoj. Briggs | 6 | 0.40 |
| Du Biletoj. Florian (Bulthuis & Touchebeuf) | 2 | 0.15 |
| En la Dolomitoj. Styler | 1 | 0.10 |
| Ginevra. E. Privat | 3 | 0.20 |
| Hour of Esperanto, An. Cart (Cox) | 1 | 0.10 |
| Kamena Angulo, La. H. T. Craven (Gego) | 6 | 0.40 |
| Kara Panjo. W. Gordon (Gego) | 4 | 0.30 |
| Miniaturoj. G. D. Nash bindita | 2. 6 | 2.00 |
| Odiseo, La Deka Kanto de la: Homer (Dixey) | 1. 0 | 0.80 |
| Sonĝo de Someromeza Nokto. Shakespeare (Briggs) | 6 | 0.40 |
| Venecia Komercisto, La. Shakespeare (Wackrill) | 1. 0 | 0.80 |

## RELIGIO

| | ŝ p | sv. fr. |
|---|---|---|
| Himnaro Esperanta. (Butler) 212 himnoj | 1. 6 | 1.20 |
| Kvakerismo, Fundamentoj de la. Stephen (Butler) | 1. 3 | 1.00 |
| Praktiko de la Apudesto de Dio. Frato Laŭrenco (Luyken) | 3 | 0.20 |
| Rakontoj el la Biblio. Zamenhof | 3 | 0.20 |

## KANTOJ

| | ŝ p | sv. fr. |
|---|---|---|
| Alvoko, La. (Fenner) Cox | 5 | 0.40 |
| Brilas l'Esper'. Reeve | 1 | 0.10 |
| Esperanto. H. Hill | 2 | 0.15 |
| Espero, La. Menil | 3 | 0.20 |
| Himnaro Esperanta. (Butler) 212 himnoj | 1. 6 | 1.20 |
| Himno de Danko. Hill | 2 | 0.15 |
| Kantaro Esperanta. Butler (357 kantoj) | 1. 6 | 1.20 |
| Kantu Ni! dek kantoj kun muziko | 6 | 0.40 |
| Kongresanino, La. Appleby & Booy | 1 | 0.10 |
| Leono estas best'. (La Gajula Kanto) W. M. Applebly) | 1 | 0.10 |
| Melkistino, La. Butler | 1 | 0.10 |
| Mia Esperantistino. (Page) Moonie | 1 | 0.10 |
| Samideana Trinkkanto | 1 | 0.10 |
| Skoltaro Tutmonda. A. Poyser | 6 | 0.40 |
| Vera Frataro, La. Hill | 2 | 0.15 |
| Vivu Esperanto. Blaikie & Saxton | 2 | 0.15 |

## GRAMOFONDISKOJ (GREGG) EN ESPERANTO

1. La Leteristo: Struvelpetro.
2. La Deveno de l'Arta Muziko: Jen Silvio, Samideana Trinkkanto.

*Senpaga prospekto havebla.*

Oni sendu mendojn kaj pagojn per internacia poŝtmandato al B.E.A. laŭ la supra adreso. Petu samtempe senpagan libroliston. — Aldonu 10 % por afranko.

La Revuo de l' bonhumora verda mondo kun nur originalaj tekstoj kaj illustraĵoj.

KAPERAS ĈIUMONATE

Unujara abono:

*En Francujo* 10 fr. fr

*En aliaj landoj* 15 fr. fr

Abonebla en Francujo:

**J. Solsona, 9, rue Hallé Paris XIV.**

Ĉek-konto poŝta: Paris 545.82

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

**La Pirato** **Prova paĝo**

## La internacia mono

La 30-an de Majo nunjara komenciĝis en Parizo la II-a « Semajno de la Mono », dum kiu eminentaj ekonomiistoj studis la problemon de l'internacia mono. Antaŭ la milito ekzistis la Spesmilo, sed tiu ĉi ne plu respondas al la postmilita ĥaoso. Ni bezonas nun tute novan internacian monunuon. Tiel konkludis la eminentaj ekonomiistoj.

Nia kunlaboranto, kiu tro modeste sin kaŝas malantaŭ la pseŭdonomo Laval — (por ekkoni lian veran identecon legu lian pseŭdonomon inverse !) — proponas tri projektojn, kiuj laŭ nia nekompetenta opinio perfekte konvenas al la nuna katastrofstato de l'mondo.

1) La krizero. — Ĝi facile adaptiĝos al la ŝanĝiĝemo de l'kurzoj, ĉar ĝi estas kaŭĉuka. La frontbildo montras la simbolan zonon, kiu permesos mildigi la ribelemon de l'stomakoj, dum la dorsbildo elokvente prezentas la konkludon de la Londona Ekonomia Konferenco.

2) Bankbileto de Centmil Doloroj. — Ni ne havos la kruelecon insisti pri ĝia signifo.

3) 5 Cent timoj. — Nia kunlaboranto certe ne enkalkulis ĉiujn timojn, ĉar sendube estas pli ol kvin-cent, kiuj preme pezas nun sur la feliĉa homaro. Ĝojige estas, laŭ la dorsflanka bildo konstati, ke malgraŭ ĉio la civilizacio tamen antaŭenrampas.







Tiun ĉi spritan, gajan revuon redaktas...



**Raymond Schwartz**

verkinto de la multe legataj:

*Verdkata Testamento.* 16,5×12,5 cm., 124 paĝoj. (Poeziaĵoj variaj, pri-esperantismaj kaj aliaj) Frk. svis. 2,50

*Prozo Ridetanta.* 16,5×12,5 cm., 176 paĝoj (Malgrandaj prozaĵoj) Frk. svis. 3,—

*Anni kaj Montmartre.* 16,5×12,5 cm., 126 paĝoj. (Novelo realisma el Pariza vivo) Frk. svis. 2,50

*La stranga Butiko.* 16,5×12,5 cm., 128 paĝoj. (Amuza verslibro) 22 ilustraĵoj de Raym. Laval Frk. svis. 2,50

*ĉiuj kvar volumoj kune: Frk. svis. 10,—*

**Mendebla ĉe:**

**Universala Esperanto Asocio (Libroservo) Genève, Svis.**

Esperantista Centra Librejo 11, rue de Sèvres, Paris 6 (Poŝta ĉekkonto: 196.01 Paris)




**I.M.R.** estas oficiala organo de Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio kaj monata ligilo de la kuracistoj, dentistoj kaj aliaj medicinrilataj profesiuloj. **I.M.R.** estas la sola pure scienca, tre serioza gazeto en Esperanto. **I.M.R.** aperas jam de 11 jaroj kun riĉa enhavo : originalaj artikoloj, terapeŭtikaj aktualaĵoj, referatoj, diversaĵoj...

---

**Jarabono: 5 svisaj frankoj.**
*Senprokraste petu specimenon kontraŭ 1 resp.-kupono !*

**Redakcio kaj Administracio de T.E.K.A.**

19, avenue Montjoie, Uccle, 3, (Belgujo).
Poŝtĉekkonto 2814.51 (Bruselo—Belgujo)

**D-ro BRIQUET**

## TEKNIKA MEDICINA VORTARO

360 paĝoj bindita. — Enhavas 3670 radikojn kun derivaĵoj kaj tradukoj en pluraj lingvoj

---

Prezo : **10 svisaj frankoj aŭ samvaloro**
(+ 10 % por sendkostoj)

---

*Mendu ĝin pere de UEA aŭ rekte al*

**Internacia Medicina Revuo,**
19, avenue Montjoie, Uccle 3.
Belga Poŝtĉekkonto : 2814.51.

# Abonu vin al :
# POLITIKA SOCIALA REVUO

**Redaktata de eminentaj esperantistoj. Abono 40 Fr. fr. aŭ 8 Fr. sv. jare; 4 kajeroj altformataj ĉiu 80 paĝoj da teksto.**

---

***Enhavo de kajero 1 :***

Ch. RIST : Charles Gide, 1847—1932.

Charles GIDE : La respubliko de la Jezuitoj en Paragvajo.

P. JACOB : Efikoj de la Ekonomia Krizo sur la spirita vivo en Germanujo.

A. SIEGFRIED : La franca karaktero vidalvide al la moderna mondo.

Analizoj kaj recenzoj.

**Oni povas aboni ĉe Gazetabona Servo de UEA**

**1 Tour de l'Ile, Genève, Svis.**

# Demandu nian prezaron !

**FRUICTIER-GRENKAMP**

**KOMPLETA GRAMATIKO KAJ VORTFARADO**

Formato : 22 × 15 cm. 188 + V pĝ.

Prezo : broŝ. : fr. sv. **5.—** ; bind. : fr. sv. **6.50**

***Dum ses monatoj pli ol 1500 ekzempleroj vendiĝis***

*Jen kion diras la kritiko :*

La redaktoro Joseph Berger en HEROLDO DE ESPERANTO (25-7-30) : « ...En antaŭparolo la reviziinto kaj kompletiginto s-ro Grenkamp diras, ke li restas fidela al la observa metodo de Fruictier : *konstati, ne proponi.* Kaj trastudante la libron, oni ekkonas, ke efektive la prilaborinto penis esti ĉiel objektiva.

« ...Ĝi enhavas... sub « Gramatiko » en unua loko ĉapitron pri fonetiko (laŭ mia scio ĝis nun trovebla en neniu tiuspeca verko)...

« ...Laŭvere mi devas diri, ke la studado de tiu lerte reviziita, rekonite bona verko, estis agrabla dumlibertempa legaĵo por mi, esperantisto de jam dudek jaroj, kaj mi ne hontas konfesi, ke mi ankaŭ lernis el ĝi.

« ...Mia konciza opinio pri la libro : Klara, objektiva kaj bonlingva instruilo por homoj enpenetremaj en nian lingvon. »

En SENNACIULO (26-6-30) : « Jen bona libro en Esperanto... Pro bezono de kompleta gramatiko, en lastaj jaroj aperis diversaj gramatikaj libroj... Kvankam esp-e verkitaj... ili... estas ne kompletaj. La verko Fruictier-Grenkamp estas certe pli kompleta, laŭ scienco, pedagogio kaj tipografio pli klara kaj bone prezentita. En ĝi abundas ekzemploj de Zamenhof kaj aliaj bonaj verkistoj...

« ...Resume, la libron mi rekomendas al SAT-K-doj, kiuj en ĝi trovos multon nesciatan. (N.B.) »

En ICK-CIRKULERO (62) : « Tiu ĉi verko havis jam grandan famon en nia literaturo antaŭ la milito. La zorge faritaj aldonoj kaj kompletigoj, aldonitaj laŭ la ĝisnuna evoluo de Esperanto, de s-ro Grenkamp-Kornfeld, L.K., igas la verkon ankoraŭ pli havinda. »

En INTERNATIONAL LANGUAGE (Novembro 1930) : « ...Fruictier'a libro estas, kaj por longa tempo restos, la plej bona el ĉiuj samspecaj verkoj. Ĝi estas nepre necesa al ĉiu, kiu volas perfektiĝi en Esperanto. »

**S. GRENKAMP**

**5.000.000**

114-paĝa, formato 12 × 18 cm., kun bela, trikolora moderna kovrilo. — Prezo : frk. sv. **2.—**

« ...liaj rakontoj estas vere amuzaj, kun lerta komiko, neatenditaj renkontoj, spritaj aludoj, karikaturaj personoj. Du aŭ tri tekstoj en poeziproza formo, estas laŭ mi plej ŝatindaj partoj, kaj kontrastas kun la cetera enhavo. Ĉefe la verkinto majstras nian lingvon, ĝiajn eblecojn en malofta maniero, havas viglan harmonian stilon... »
*Esperanto* (novembro 1931).

« Ĉi tiu moderna libro vere pliriĉigas la esperantan literaturon originalan. Grenkamp havas propran, plaĉan stilon kaj mirigas la leganton per siaj spritaj rakontoj kaj pensoj.

La libro bele aspektas kaj meritas troviĝi en la biblioteko de ĉiu esperanta libroamanto. *Flandra Esperantisto* (junio 1931).

« Penseroj, krioj de l' koro, aforismoj, skizoj en sarkasma, amara, tikla aŭ petola saŭco... Sub la petolaĵoj-veraĵoj kaŝiĝas la spirite-sprita talento de nia « gramatika-vortara » amiko Grenkamp... Sidiĝu vin apud la fornon ! Surmetu velurajn pantoflojn, prenu tason da teo kaj legu en la libreto, piuloj kaj pekuloj, kaj forgesu dum agrabla horo, ke Esperantujo ne estas surtera paradizo ! »
*Heroldo de Esperanto* (27 marto 1931).

## Vortoj de Profesoro Cart

*al la pacaj kunbatalantoj dediĉitaj de*

**S. GRENKAMP kaj R. DE LAJARTE**

dua milo, 140-paĝa, form. 18 × 14 cm. Prezo: fr. sv. **3.—**

« La ekstera aspekto de tiu libro — luksa eldono — tute ne kontraŭdiras ĝian enhavon... » *Le Monde* (L. L.).

« ...Estas superflue diri, ke la enhavo estas modela je la verka kaj lingva vidpunkto. Necesas nur insisti pri tio, ke la sperto instruas ĉiutage, ke la prilingvaj ideoj de s-ro Cart estas ĝustaj kaj aprobindaj... » *Sennaciulo* (14-5-24).

« Ŝajnas al ni, ke la eldonantoj ne bone elektis la titolon, uzante sole la simplan « vortoj » anstataŭ « oraj vortoj » ? Ĉar vere oraj vortoj por la esperantistaro estis, estas kaj restos por ĉiam ĉi tiuj artikoletoj. Ĉiu ĝin aĉetu kaj legu ĝin atente ! » *Aŭstria Esperantisto* (1927 n-ro 11)

« Jen la libro, kiu estos grava kaj aktuala dum ekzistos Esperanto. Eĉ ne unu esperantisto estu en niaj vicoj, kiu ne havas ĉi tiun libron inter siaj ĉiutagaj legaĵoj. Apud la lingvaj respondoj de D-ro Zamenhof ĉi tiuj vortoj devos esti ĉiam studataj kaj restudataj, ĉar ili entenas ideojn, kiujn ni senĉese devas al ni memorigi... Ĉiuj kluboj devas nepre posedi la libron, S-roj Grenkamp kaj Lajarte tre meritiĝis pro la aperigo de tiu ĉi kolekto. » *Konkordo* (1927, N-ro 9-10).

« ...Ĝi estas plena de profundaj pensoj, trafaj fabeloj kaj saĝaj konsiloj... La tuta volumo estas ne nur kolekto de literaturaj juveloj, sed ankaŭ fonto de ĝojo kaj inspiro. » *International Language* (1927).

**KUPONO**

donanta 10 %-an rabaton ĉe mendo de ĉiuj esperantaj libroj de eldonejo ESPERANTISTA VOĈO. Adresu: **S. Grenkamp,** 117, Bd. Jourdan, Paris 14e.

# Eksterordinara pakaĵo

**ĉirkaŭ 1000 paĝoj, pezo 1 Kg 400**

**afranko frk. sv. 1,70**

*Jen kolekto, kiu pliriĉigos vian bibliotekon, havigos al vi interesajn librojn en bona lingvo je eksterordinara prezo :* Prezo frk. sv.

1) *Balucki,* Kuzeto, trad. Grenkamp. 14 pĝ. 0,25
Facile ludebla komedio, ludita dum la Belga Kongreso.

2) *Cart, Vortoj.* Luksa eldono kun du portretoj. La plej grava verko de nia mortinta prezidanto de Esperantista Akademio ; lia testamento, kiu montras la vojon sekvendan por nia lingvo. Fundamento de la dua patro de Esperanto 140 pĝ. 3,—

3) *Grenkamp,* 5.000.000. 113 pĝ. 2,—
« ...liaj rakontoj estas vere amuzaj, kun lerta komika, neatenditaj renkontoj, spritaj aludoj, karikaturaj personoj. Du aŭ tri tekstoj en poeziproza formo, estas laŭ mi plej ŝatindaj partoj, kaj kontrastas kun la cetera enhavo. Ĉefe la verkinto majstras nian lingvon, ĝiajn eblecojn en malofta maniero, havas viglan harmonian stilon... » *Esperanto* (novembro 1931).

4) *Kolovrat,* Teorio pri evolucio de Kono. 30 pĝ. 0,50
Popularscienca verketo, kiun ĉiu legos kun plezuro.

5) *Mickiewicz,* Improvizacio de Konrad. 30 pĝ. 0,25
Perlo de l'tutmonda poezio, en brila, majstra traduko de Dobrzanski.

6) *Romains, Jules :* Knock. 80 pĝ. 1,50
Ĉu ni diru la laŭdojn, kiujn meritas tiu ĉi bela traduko de verko preskaŭ universe konata pro la persono mem de sia aŭtoro, kaj nun, post la Universala Kongreso de Esperanto, vere universale konata kaj aŭdata. La sukceso, kiun la internacia ludantaro en Parizo akiris apud la internacia publiko, kaj kiu entuziasmigis la aŭtoron mem, kiu ĉeestis, estas garantioj pri la taŭgeco de tiu ĉi traduko, pri kiu cetere la nomo de D-ro Corret jam sufiĉe garantias. Do ankaŭ verko, kiun ĉiu Esperantisto deziros havi en la libroŝranko.
*(Belga Esperantisto,* 1932.)

7) *Smogorzewski,* Pol-Pomeranio (tr. S. Grenkamp) kun 22 kartoj enteksle kaj 4 plurkoloraj ekstertekste, la plej interesa studo pri la pola-germanaj rilatoj. 136 pĝ. 2,50
Pli ol cent entuziasmaj artikoloj kaj kritikoj aperis pri tiu grava verko, skribita en klara lingvo.

8) 10 n-roj de *Lingvo Internacia.* ĉ. 400-500 pĝ. 2,50
malnova esperanta gazeto, kiu estas neelĉerpebla fonto de nia historio. Kun plezuro kaj kontento vi foliumos tiun kolekton.

Ricevebla ĉe : **S. Grenkamp,**
117 Bd. Jourdan, Paris 14e

Sume fr. sv. 12,50
poŝtelspezoj 1,70

**Entute fr. sv. 14,20**
**Por nur fr. sv. 7,50**

Moraviaj Esperanto-Pioniroj

# REKOMENDINDAJ ELDONAĴOJ:

**Ĉeĥoslovakio — Olomouc — Riegrova 17**

| | | Prezoj Kĉ. | Frk. sv. |
|---|---|---|---|
| LAD. VLADYKA: *Mi en li.* Romano | (Bindita) | 26,— | 4,— |
| IG. HERMANN: *Fokso-Nukso.* Humoraĵo | (Bindita) | 13,— | 2,— |
| J. SUMIN—R. SVOBODOVA: *Du Noveloj* | (Broŝurita) | 8,— | 1,25 |
| | (Bindita) | 13,— | 2,— |
| J. WELZL: *Tridek jarojn en ora nordo* | (Broŝurita) | 8,— | 1,25 |
| | (Bindita) | 39,— | 6,— |
| D-ro HERBEN: *Malriĉa knabo kiu gloriĝis* | (Broŝurita) | 32,50 | 5,00 |
| D-ro ST. KAMARYT: *Filozofia Vortaro.* Aperonta dum Decembro 1933. | (Broŝurita) | 16,— | 2,50 |

Al la supraj prezoj aldonu 10 % por afranko.

Mendebla ankaŭ ĉe la Internacia deponejo: **Libroservo de UEA, 1 Tour de l'Ile, Genève, Svislando.**



**Nova verko de**

**JULIO BAGHY:**

# Verdaj Donkiĥotoj

**Esperanto romano. Satiraj skizoj.**

***Amplekso: 224 paĝoj.*** ***Dukolora kovrilo.***

*Klara preso sur bonkvalita papero*

SENSACIAJ PREZOJ:

Broŝurita . . **sv. fr. 2,—** Duontole bindita sv. fr. **3,—**

Amatora eldono: sur luksa papero, permaŝine numerigita, tole bindita kaj kun propramana subskribo de la aŭtoro sv. fr. **5,—**

Aldonu 10 % por sendkosto.

**Mendebla ĉe: A. SZALAY, BUDAPEST** (Hungarlando)

**TAVASZMEZÖ U. 8.**

**BERICHTE ZUR KULTUR - u. ZEITGESCHICHTE**

**Herausgeber (Eldonanto) Nikolao Hovorka, Wien.**

Germanlingva revuo 17,5 cm. × 15 cm. 64-80 paĝoj, objektive kaj neŭtrale informanta pri spirita kaj intelekta vivo tutmonda, Kritika ekzameno de ĉiuj aperaĵoj en intelekta vivo, tekniko, politiko. Liberaj kajeroj, 1000 paĝoj jare k.t.p.

Jara abono: fr sv. 9,50. **Redakcio kaj administracio: REINHOLD VERLAG Wien IX, Löblichgasse 7. Abonebla pere de la Gazetabona Servo de UEA, Tour de l'Ile, 1, Genève**

**KARA LEGANTO, BONVOLU ATENTI**

**Kun la nuna numero estas sendataj aldone:**

*Aliĝilo por UEA — Mendilo pri anoncoj de Jarlibro 1934.*

Se vi deziras ekzemplerojn de la speciala numero, ni volonte sendos al vi laŭ peto. (C. O. de UEA.)

# LYON kaj ĝiaj Internaciaj Foiroj

En la koro de Francujo, meze sur la vojo de Parizo al la Riviero kuŝas Lyon, granda urbo, posedanta sian propran karakteron, tre malsaman de tiu de la aliaj ĉefaj francaj urboj, Parizo kaj Marseille ekzemple.

Parizo estas la grandega, glora, brila, multaspekta, iom kosmopolita ĉefurbo. Marseille estas gaja, brua, svarma haveno. Inter ambaŭ, Lyon surprizas per sia trankvileco. Sur la larĝaj stratoj kaj placoj, sur la majestaj pontoj kaj kajoj, la Lyon'anoj iras kaj venas nek kure nek promene, sed regule. Ili malmulte parolas, malmulte gestas, malmulte bruas.

**Lyon, ĉefurbo de la kuirarto.** — Lyon ne dismontras siajn ĉarmojn al ĉiu alvenanto. Oni devas ilin pacience eltrovi. Tiu, kiu bone konas Lyon'on, ŝatas ĝian intiman, komfortan vivon. En la



*Vidaĵo de la Foira Palaco.*

ĉefaj kaŭzoj de tiu simpatio oni senerare povas nomi la faman Lyon'an kuirarton. El la tuta mondo, la homoj, kiuj ŝatas bone manĝi, venas Franclandon. El tuta Franclando, ili venas Lyon'on. « Oni emas reiri al Lyon jam nur pro la bonaj restoracioj » ofte skribis alilandaj komercistoj al la Komitato de la Lyon'a Foiro.

**Lyon, laborema urbo.** — Ĉu ni estas en bela dormanta urbo? Tute ne, ni estas en grava komerca kaj industria urbo. En la centro de la urbo, en sennombraj oficejoj, miloj da oficistoj laboras diligente. En la ĉirkaŭurboj fumas centoj da fabrikaj kamenoj. Sed la ekstera kvieteco de la urbo kaŝiĝas vigla agemo, senlaca laboro.

**Lyon, monda ĉefurbo de la silkindustrio.** — En la tuta mondo la nomoj de Lyon kaj de silkaĵoj estas ne disigeblaj. En Lyon naskiĝis kaj laboris Jacquard, kiu eltrovis la faman teksilon, kiu transformis la silkindustrion. De Lyon eliras en ĉiujn landojn tiuj belegaj ŝtofoj per kiuj la virinoj fariĝas belaj kaj niaj hejmoj luksaj. Ĝis cent kilometroj de Lyon, la tuta ĉirkaŭa regiono estas ĉefe okupata per la silkindustrio.

**Lyon, industria urbo.** — Sed la silkaĵoj ne estas la sola industrio de la urbo. Lyon kuŝas en situacio speciale favora je la industria vidpunkto, pro sia proksimeco al la karbo de St-Etienne, al la fero de Le Creusot, kaj al la Alpoj, kies akvofaloj donas provizojn da elektra forto.

Pro tio multegaj industrioj naskiĝis kaj kreskis en Lyon, precipe la aŭtomobiloj kaj kemiaj produktoj.

**Lyon, arta urbo.** — Lyon estas malnova urbo, fondita de la Romanoj. Multaj monumentoj atestas ĝian antikvan gloron. Tuta kvartalo, Saint-Jean, ĉe la piedo de la monteto Fourvière, konserviĝis tia, kia ĝi estis dum la Mezaĝo. Verajn trezorojn: Preĝejo Ainay, de la dekunua jarcento, Urbdomo, Granda Hospitalo, Arta Muzeo, Muzeo de Teksaĵoj, k.t.p. rezervas Lyon al tiu, kiu interesiĝas pri arkeologio aŭ tute simple ŝatas la postlasaĵojn de la pasinta tempo.

**Lyon, turisma centro.** — Unika en Franclando estas la situacio de Lyon kiel turisma centro. Kuŝanta inter la majestaj Alpoj, la sovaĝa Arvernio, kaj la pentrinda Jura, Lyon oferas al la turisto plej agrablan elektajon. Ĉarmoplenaj estas la valoj de la riveroj Rhône kaj Saône aŭ la mil lagetoj de la ebenaĵo « Dombes ». Famaj banurboj: Vichy, Vals-les-Bains, Royat, Le Mont-Dore, Allevard, Uriage ĉirkaŭas Lyon'on. Tute proksime kuŝas la belega Svislando, kaj kelkaj horoj en rapida vagonaro permesas atingi la lumoplenan Mediteranean bordon.

**Lyon, Foirurbo.** — Jam antaŭ du mil jaroj, Lyon, ĉefurbo de Galujo, estis la loko, kie ĉiujare renkontiĝis la senditoj de ĉiuj triboj de la lando, kaj la sidejo de vastaj merkatoj.

Dum la Mezaĝo, la Lyon'aj Foiroj estis tre famaj kaj kunigis karavanojn venintajn el la tuta tiama civilizita mondo.

Nuntempe, la Lyon'aj Foiroj estas reorganizitaj sur tute moderna bazo. Belegaj Palacoj estas konstruitaj por loĝigi la ekspozantojn.

La modernaj Lyon'aj Foiroj estas internaciaj. La ekspozantoj estas klasigataj ne laŭ nacio, sed laŭ industrio. Ĉiuj povas do tute egale prezenti siajn artiklojn al la multnombra klientaro, kiu ĉiujare venas de pli ol 50 landoj.

**Lyon kaj Esperanto.** — De la komenco de nia jarcento, Lyon estas unu el la plej viglaj centroj de la Esperanto-Movado. Pluraj grupoj tie vivas, agas kaj kreskas. Malnovaj pioniroj senlace batalis antaŭ la milito. Nun novaj agemuloj laboras kaj disvastigas la uzadon de esperanto sur ĉiuj kampoj: komerco, radio, universitato, k.t.p. Speciale menciinda estas la granda sukceso de la Cseh-kursoj gvidataj de F-ino Lidja Zamenhof ĉe la Literatura Fakultato. Kaj ĉefe gratulindaj estas la nelacigeblaj iniciatantoj: Gesinjoroj Borel.

Ni ne forgesu ke la Lyon'a Foiro jam de pli ol dek jaroj uzas Esperanton por sia eksterlanda propagando kaj eldonas en tiu lingvo ĉiuspecajn presaĵojn: broŝurojn, prospektojn, afiŝojn, sorbpaperojn, poŝkartojn, sigelmarkojn, flugfolietojn.

Tiel laboras Lyon, senbrue sed senlace, por ludi sian rolon en la granda peno de la mondo.

Richard LEVIN.




# Ĉu ĝusta vojo?




En la pasinta jaro la organiza problemo okupis la esperantistaron. Ĝia feliĉa solvo dum la Kolonja kongreso estas rezulto de prudento kaj konscio de la esperantistaro, de la gvidantaj instancoj pri la ĝusta vojo. Kaj tiu konscio de la esperantistaro manifestiĝas ankaŭ en aliaj terenoj de nia movado, manifestiĝas ankaŭ sur la literatura kampo, kiu estas tre grava vejno por la evoluo de nia lingvo por la propagandeblecoj inter neesperantistoj. Longan tempon estis problemo, kiel kreskigi nian literaturon, kiel porti en la librorŝrankojn de la malriĉaj adeptoj de nia movado belajn kaj bonajn librojn, kiuj ligu ilin longe al la ideo de lingvo internacia.

Same kiel la reorganiza problemo, ankaŭ ĉi tiu estas solvita en la nuna jaro. La *Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj* plenumis plene sian programon por 1933. La lasta libro, la impona *Enciklopedio de Esperanto* estas en la presejo kaj la aliĝoj por la jaro 1933 estas fermitaj. La aliĝinta nombro da esperantistoj klare montras, ke nia adeptaro akceptas favore kaj subtenas ĉiun ideon, kiu estas efektive taŭga por progresigi nian aferon. Ĉi tiun komprenemon nun la Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj volas danki per tio, ke ĝi faras por la jaro 1934 ankoraŭ pli favorajn kondiĉojn. Ĉiu esperantisto memoras, ke AELA donis en la jaro 1933 ses librojn kun paĝonombro proksimume 1800 kaj en la vendovaloro de 55,— svisaj frankoj por la kvarono de ĝia vendovaloro. En la jaro 1934 AELA donos al siaj membroj

**DEK LIBROJN**

ENTUTE ĈIRKAŬ 2400 paĝojn

*por la sama kotizo de*

**SVISAJ FRANKOJ 13.50** *(sen afranko)*

Pro la plimultigo de la libroj ŝanĝiĝas sole la kostoj de ekspedo, por kiuj la membroj devas pagi aparte **fr. sv. 4.90** kaj la bindokosto, kiu faros en tiu ĉi jaro **fr. sv. 7.50**. Cetere ĉiu membro rajtas elekti la librojn broŝuritaj aŭ binditaj.

La nun enkondukita sistemo, kiun vi povas legi en la detala prospekto sendata al ĉiu petinto senpage, ebligas ankaŭ al la novaj membroj havigi ne tre multekoste la ĉefajn verkojn de la pasinta jaro, antaŭvidas premion por varbanto de novaj membroj kaj devigas sin doni unu pluan libron sen ia superpago, se la membronombro kreskas super 1500.

Asocio de Esperantistaj libro-Amikoj ne ĉesas evolui. La nun donataj dek libroj montras gravan antaŭsalton kompare al la pasinta jaro kaj dependas nur de la inteligenta, libroŝata esperantistaro, ĉu tiu evoluo estas senrompa.

Por vidi la librojn, jen ilia listo :

| | paĝonombro |
|---|---|
| *Grandformataj libroj :* | |
| 1) *Antal Hekler* : Arthistorio (praepoko ĝis renesanco) (kun proksimume 100 kliŝoj) . | 210 |
| 2) *Jelušić* : Cezar, hist. romano, trad. I. Rotkviĉ. | 500 |
| 3) *Ĉeĥoslovaka Antologio*, redaktas R. Hromada | 480 |
| *Mezformataj libroj :* | |
| 4) *Slonimski* : Mia vojaĝo en Sovetio, trad. Grenkamp . . . . . . . . . . | 160 |
| 5) Originala romano de St. Engholm . . . . . | 128 |
| 6) Originala romano de H. Weinhengst . . . | 200 |
| 7) Originala romano de Fr. Szilágyi . . . . | 200 |
| 8) Lingvo Stilo Formo . . . . . . . . . | 144 |
| 9) *Goethe* : Romaj elegioj, aŭ *Kalocsay:* Rimportretoj . . . . . . . . . . | 128 |
| 10) *Engholm* : Homoj sur la tero . . . . . . | 200 |
| | **2330** |

La lastaj tri libroj estas ŝanĝeblaj per egalvaloraj libroj, listigataj en la prospekto.

La supre montritaj favoregaj kondiĉoj, la valoro de la libroj laŭ enhavo kaj aspekto helpas ankoraŭ tiujn, kiuj ne povis decidiĝi ĝis nun la aliĝon, fari tion plej malfrue ĝis la 1-a de februaro 1934, ĉar post tiu dato la **kotizo altiĝos** dudek procentojn.

Ni estas certegaj, ke la esperantistaro eluzos la surprizan planon kaj AELA povos doni kiel eksterordinaran donaclibron por 1934 ankaŭ la duan volumon de la Arthistorio de Hekler.

Ni scias, ke la kondiĉoj estas nepre taŭgaj por ke la libro esperanta eniru la librobretojn de ĉiu esperantisto. La gvidantoj kaj ĝisnunaj membroj de AELA faris sian devon al la movado kaj al si mem. Nun estas via vico, kiu ankoraŭ ne aliĝis pro iu ajn kaŭzo, fari tion kaj ni ne dubas, ke nia devizo :

**ĈIU INTELIGENTA ESPERANTISTO ALIĜAS AL AELA!**

estos en la jaro 1934 realaĵo. Por informiĝi plene kaj detale, mendu la senpagan prospekton de




**Literatura Mondo (por AELA).**
**Budapest IX. Mester-u. 53.V. 5**
**Hungarujo,**




Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Soc. Koopera, Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO (Belgujo).